Tiu ĉi libro estas adapto de romano de J. F. Cooper far Roger Imbert kiu uzis nur la anglan enhavon. La adapto estis farita tiel ke ĝi konsistu entute nur el ĉirkaŭ 450 radikoj kiujn oni instruas en elementa Esperanto-kurso laŭ la Zagreba metodo. Ĝi, sekve, servas antaŭ ĉio al plifirmigo de la lingvoscio por absolvintoj de la elementa E-kurso.
Por esprimi komplikajn rilatojn la adaptanto devis pli abunde uzi kunmetaĵojn, kelkfoje eĉ novajn aŭ nekutimajn. La netroviĝantaj vortoj en la E-lernolibro de IKS-Zagreb aperas fine de la teksto kun klarigoj en la serbokroata, hungara kaj germana lingvoj.

La redaktoro


| | |
|---|---|
| adaptis | Roger IMBERT |
| redaktoro | Zlatko TIŠLJAR |
| eldonis kaj presis | INTERNACIA KULTURA SERVO – ZAGREB<br>Amruševa 5/1, Jugoslavio |


J. F. COOPER – R. IMBERT

# LA SENTIMULO

## PARTO I

Estis vespero en Venecio. Centoj da homoj plenigadis la Sankt-Markan placon. Junuloj kaj militistoj, maristoj de sur ŝipoj, elstaraj sinjorinoj kaj junulinoj, alilandaj vizitantoj, vojaĝantoj, ĉambristoj kaj gondolistoj – ĉiuj moviĝadis al la urbomezo. Iom plue sed ne malproksime de la maro, troviĝis malgranda placo. Fine de ĝi, proksime de la maro staris homo. Laŭ vestaĵo oni facile povis ekscii ke li estas gondolisto de iu riĉulo. Seninterese li rigardis la ĝojan hommulton. Subite rideto lumigis lian vizaĝon, kiam li ekvidis mariston kiu alvenis el la flanko de la maro.

„Ĉu tio estas vi, Stefano? " ekkriis la gondolisto.

„Ĉiuj diras ke vi falis en la manojn de la Turkoj."

„Vere! Ni renkontis unu el iliaj ŝipoj. Ĝi postiradis nin dum pli ol unu horo kaj duono. Sed ne estas facile iri pli rapide ol nia ŝipo. Do, kiaj novajoj estas tie ĉi en Venecio? "

„Nenio interesa – nur granda malfeliĉo por Pietro. Ĉu vi konas Pietron? "

„Kompreneble ke mi konas."

„Granda ŝipo subakvigis lian gondolon."

„Kaj kio pri Pietro? "

„Lia gondolo subakviĝis. Okazis ke ni troviĝis proksime, tiel ke Giorgio kaj mi prenis Pietron en nian gondolon. En la sama tempo mia estro subakviĝis por helpi junulinon, kiu preskaŭ jam mortis kun sia onklo."

„Ho, tie estis junulino – kaj onklo! "

„Lin ni ne povis helpi. Estis grava homo. Sed kio vin alvenigis en Venecion, amiko mia? "

La maristo rapide ekrigardis sian amikon kaj komencis diri:

„Do vi scias, Gino, mi alportis..."

La gondolisto subite haltigis lin.

„Vidu! " li diris mallaŭte.

Tiam iu homo pasis apud ili. Li ankoraŭ ne estis tridekjara, kaj lia vizaĝo estis senkolora. Lia iro estis certa kaj facila. Li ŝajnis forta. Lia vizaĝo estis malĝoja.

„Jacopo", diris Gino, kiam li ekvidis la homon. „Oni diras ke multaj gravuloj donas sekretajn laborojn al li. Li scias tro da sekretoj."

„Kaj tial ili timas sendi lin en malliberejon", diris la maristo kaj dum li parolis, li montris al la domego de la Doĝoj.

„Vere, multaj gravuloj bezonas lian helpon", diris Gino.

„Kaj kiom ili pagas al li por unu mortigo? "

„Certe ne malpli ol cent monerojn! Ne forgesu, ke li laboras por tiuj, kiuj havas sufiĉe da mono por pagi al li. Sed, Stefano, en Venecio estas aferoj kiujn estas pli bone forgesi se vi volas trankvile manĝi vian panon."

Estis iom da silento kaj poste la godnolisto denove ekparolis:
„Vi venis ĝustatempe por vidi la ŝipkuron."
„Ĉu vi partoprenos la ŝipkuron? "
„Jes."
„Gino", iu diris mallaŭte proksime de la gondolisto.
„Sinjoro? "
Don Camillo, la estro de Gino, senvorte montris al la gondolo.
„Ĝis revido", diris la gondolisto kaj li prenis la manon de sia amiko.

Baldaŭ poste Gino vekis Giorgion, la duan gondoliston, kaj helpis sian estron eniri en la gondolon.

## PARTO II

„ Kien, mi petas, sinjoro? " demandis Gino.

„Al la doĝejo."

La juna gravulo ne sidiĝis en la ŝipĉambreton. Li staris proksime de ĝi, kaj li pensadis. La du gondolistoj sciplene irigis sian gondolon inter la aliaj ŝipetoj, kio ne estis facila laboro. Finfine la gondolo estis sur la libera maro.

„Kiu estis tiu homo, kiu estis kun vi antaŭ kelkaj minutoj? " demandis Don Camillo.

„Mia amiko Stefano" respondis Gino. „Mi ricevis novaĵojn el Kalabrio pere de li. El Kalabrio ni devenas, li kaj mi. Lia ŝipo hodiaŭ alvenis al Venecio."

„Kiel nomiĝas lia ŝipo, kaj kiel nomiĝas via amiko? "

„Bella Sorrentina, sinjoro, kaj mia amiko Stefano Milano. La ŝipo estas unu el la plej rapidaj kaj unu el la plej belaj en Venecio."

„Mi estas certa ke mi konas la ŝipon kaj la ŝipestron. Kio alvenigis lin nun en Venecion? "

„Mi ne scias, sinjoro."

Don Camillo silentis kelkajn minutojn. Poste li diris:

„Ĉu vi havas la deziron montri kion vi scipovas dum la ŝipkurado? "

„Jes, sinjoro."

„Mi donacos al vi novan gondolon por la ŝipkurado. La nova ŝipeto kaj via forta mano helpos vin esti la unua."

Gino grande malfermis la okulojn kaj tiam komencis dankadi sian estron. Don Camillo nur faris manmovon kaj eniris en la ŝipĉambreton.

La gondolo baldaŭ devojiĝis en malgrandan kanalon kaj haltis kontraŭ bela domego.

„Venu kun mi" , kiam li ekstaris sur la tero kaj metis sian manon sur Ginon.

La du homoj supreniris kaj baldaŭ troviĝis en la dormoĉambro de Don Camillo. La juna gravulo fermis la pordon kaj ekparolis al Gino.

„Bone, Gino", diris li. „Ĉu vi konas homon, kiu nomiĝas Jacopo Frontoni? "

Gino senkoloriĝis.

„Jes, sinjoro", respondis li mallaŭte, „lin konas ĉiuj gondolistoj."

Don Camillo Monforte malfermis la tirkeston de sia skribtablo, trovis iun paperon kaj tiam fermis la tirkeston.

„Gino", daŭrigis li, „vi estis ĉiam bona kaj mi kredas al vi."

„Jes, sinjoro."

„Prenu tiun ĉi leteron. Sub la Ponto de Sopiroj vi trovos Jacopon. Transdonu la leteron al li. Se li petos rekonilon, transdonu al li ankaŭ tion ĉi."

Kaj Don Camillo transdonis iun rekonilon al Gino.

„Aŭskultu kion li diros al vi kaj revenu kun la respondo. Vi devas esti sub la Ponto de Sopiroj tuj post la noktiĝo."

„Sinjoro, mi pli ŝatus ke vi petu kion ajn alian! " ekkriis Gino. „Tiu Jacopo estas tre malbona homo. Li estas sentimulo. Se iu el niaj gondolistoj vidos min kun li, mi ne ricevos lokon en la ŝipkurado."

Don Camillo malvarme ekrigardis lin.

„Tiam bone", diris li, „iru kaj dormu en via gondolo, kaj diru al Giorgio ke li venu en mian ĉambron."

„Sinjoro! "

Don Camillo ne respondis.

„Mi alportos al vi la respondon de Jacopo ĝustatempe", diris Gino. Post kiam li tion diris, li rapide forlasis la ĉambron. Li malsupreniris tra sekreta pasejo kaj de tie eniris en malgrandan straton.

Tiel multe la alilandanoj aŭdas pri la kanaloj de Venecio, sed malmulton oni rakontas pri ĝiaj stratoj. Estas multe da malgrandaj stratoj, ĉiam homplenaj. Gino uzis unu el tiuj stratetoj.

Survoje li renkontis multajn siajn amikojn kaj salutis ilin.

Finfine li haltis antaŭ malgranda domo. Estis vendejo, antaŭ kiu troviĝis multaj aferoj, tiel ke ne estis facile trovi vojon ĝis la pordo. Tiu pordo malfermiĝis al malgranda ĉambro, kie bela junulino salutis Ginon.

„ Ĉu tio estas vi, Gino? " ekkriis ŝi. „Piedire, kaj en tiu ĉi tempo."

„Vere, Annina, mi ne venis por aĉeti ion de via patro. Mi petas vin, alportu al mi vestaĵon de ĉiutaga ŝipisto. Kaj maskon."

„Bonvolu", diris la junulino kiam ŝi alportis al li tiujn aferojn.

„ Ĉu sur la kanalo estas iu gondolo de via patro? " demandis li.

„Mi ne respondos al tiu demando, ĝis vi diros al mi pro kio vi venis."

„Aŭdu, Annina. Ĉu vi aŭdis pri la malfeliĉo de Pietro? Lia gondolo subakviĝis. Mia estro eltiris el la akvo la junulinon kiu preskaŭ mortis. Kaj poste li enamiĝis al ŝi."

„Kiu ne scias tiun rakonton? Ĉiu gondolisto povas ĝin rakonti. Mi

aŭdis tion antaŭ unu monato."

„Kaj mia estro enamiĝis al la junulino. Li edziniĝos ŝin – hodiaŭ vespere. Kaj nun mi serĉas iun por ilin geedzigi."

„ Sajnas ke Don Camillo tre rapidas hodiaŭ. Kial li ne povis antaŭe trovi edzigiston? En tio kion vi diras troviĝas eĉ ne unu vera vorto, Gino. Nun, se vi daŭre diros malverajojn, mi ne lasos vin eliri el la domo. Trinku iomete kaj diru al mi la veron kiel homo, rapide! "

„Mi ŝatus ke via patro renkontiĝu kun Stefano Milano", diris la gondolisto post kiam li fortrinkis la enhavon de sia glaso. „Li alvenis el Kalabrio kaj ofte de tie alportas bonajn trinkaĵojn. La homo estas nun tie ĉi. Se vi volas, li povas vendi ion al vi."

„Tiam tuj iru al li kaj alvenigu lin."

„Vi forgesis mian nunan laboron. Don Camillo ne ŝatas atendi."

„Tiam mi ekiros kun vi", diris Annina. „Unue ni vidos Stefanon, kaj poste ni kune faros la aferon por via estro."

Gino tute ne ĝojis pri la nova elpensaĵo de Annina, sed kion li povis fari? La junulino rapide vestiĝis kaj metis maskon, bone fermis la pordon kaj diris al sia amiko ke li postvenu ŝin.

## PARTO III

La kanalo apud kiu troviĝis la domo de la vendisto estis malgranda kaj malluma. La gondolo estis proksime kaj ili eniris ĝin. Baldaŭ poste la gondolo ekiris al la ŝipo.

Sur la maro estis ŝipoj el ĉiuj partoj de la mondo. Dum li antaŭenigis la gondolon, Gino parolis al la junulino pri la ŝipoj kiuj estis videblaj survoje. Baldaŭ la gondolo haltis apud la Bella Sorrentina.

„Feliĉan nokton al la Bella Sorrentina kaj al ĝia ŝipestro! " diris Gino kiam li suriris la ŝipon. Lia kalabria amiko eliris renkonte al ili. Baldaŭ ĉiuj sidis en ĉambro de la ŝipo.

„Mia amikino Annina estas filino de vinvendisto", diris Gino al Stefano, „kiu dezirus fari aferojn kun vi. Montru al ni iujn el la plej bonaj vinoj kiujn vi sekrete vendas, Stefano."

„Sed, kara Gino, la ŝipo estas malplena. Mi tute ne havas vinon."

„Do, vi ne kredas al mi, amiko", diris la junulino al Stefano. „Mi petas vin, Gino, diru al via amiko, ke li ne timu."

„Lasu min aŭdigi iun vorton mallaŭte al Stefano" diris la gondolisto grave.

„Stefano, se vi estas bona amiko", diris li mallaŭte, kiam li tiris lin al alia flanko, „daŭrigu tiun ĉi interparolon kun la junulino ĝis mi eniros

mian gondolon kaj foriros. Kaj kiam vi finos la interparolon, reirigu ŝin sur la teron."

„Bone. Mi faros, kiel vi diris.", respondis Stefano.

Tuj kiam lia amiko malproksimiĝis, Gino ensaltis en la gondolon kaj foriris. La gondolo trabatis al si vojon inter la ŝipoj kaj eniris en malgrandan kanalon inter la Doĝejo kaj la malliberejo. Kiam li alvenis al la Ponto de Sopiroj, Gino elŝipiĝis. Kaj li eniris sur malgrandan malluman placeton de la Doĝejo. Sur la fenestroj estis neniu lumo. Gino malrapide iris antaŭen. Subite iu eniris sur la placeton el la kontraŭa flanko kaj rapide aliris al Gino. Kiam la homo haltis meze de la placeto, la gondolisto ekvidis ke tiu ĉi havas maskon.

„ Ŝajnas" komencis la gondolisto, „ke vi estas la homo al kiu oni sendis min."

„Eble mi estas", respondis la homo. „Deprenu la maskon – mi deziras vidi kun kiu mi parolas."

„Ne, pli bone estus se mi retenus la maskon. Mi ekpetos vin, ke vi deprenu vian maskon. Mi devas scii kiu vi estas."

La homo kapneis.

„Mi ne deziras depreni la maskon", diris li. „Do, adiaŭ! "

„Atendu minuteton, sinjoro. Jen rekonilo kiu povas helpi vin decidiĝi."

La homo prenis la rekonilon, kiun li atente rigardis. Li tiam ĝoje ekridetis kaj diris:

„Mi bonvolas helpi al Don Camillo Monforte. Kion ankoraŭ vi havas por diri? "

„Mi havas leteron. Mi donos ĝin al vi tuj post kiam mi vidos vian vizaĝon."

La homo pripensis dum mallonga tempo. Tiam li ekrigardis ĉirkaŭ si kaj diris mallaŭte:

„Tio ĉi ne estas loko por depreni la maskon, amiko. Atendu ĉi tie. Kiam mi revenos, mi irigos vin al pli certa loko."

Post kiam li tion diris, li forkuris. La gondolisto ekkuris post li. Li timis perdi la multekostan rekonilon de sia estro. Tiam multaj homoj kun maskoj komencis plenigadi la placeton kaj la gondolisto sensukcese serĉis inter ili sian homon.

„Sinjoro", ekkriis li al iu alta homo, pri kiu li kredis ke estas li, „redonu al mi la rekonilon, mi petas vin, ĉu vi volas? "

„Mi ne konas vin.", respondis tiu homo.

„Mia estro koleros" li mallaŭte diris al alia. „Redonu al mi la aferon."

„Pri kio vi parolas? " diris la homo kun rido.

Finfine Gino alvenis ĝis la maro kaj haltis tie. Li ekvidis homon, kiun li rekonis. Estis Jacopo.

„Kion vi serĉas? " demandis la sentimulo.

„La rekonilon de mia estro."
„Mi ne konas vin."
„Mi havas leteron por vi de mia estro."
„Deprenu la maskon. Bonaj homoj ne bezonas maski sian vizaĝon."
„Estas vero ke vi ne konas min", diris Gino. „Sed mi havas leteron kiun mia estro petis transdoni al vi."
„Mi ne konas vin. Kiel vi nomiĝas? "
„Ankaŭ mia nomo nenion diros al vi."
„Kiu estas via estro? "
„Don Camillo Monforte."
La malvarma vizaĝo aliiĝis. La Sentimulo prenis la leteron kaj ekrigardis ĝin.
„Vi diris ion pri rekonilo", diris li. „ Ĉu vi povas montri ĝin al mi? "
„Mi donis ĝin al la homo pri kiu mi kredis ke estas vi."
„Tion vi rakontos al via estro", malvarme diris la Sentimulo. Tralegu al mi laŭte la nomon sur la letero."
„Tio devas esti via nomo."
La Sentimulo denove atente trarigardis la leteron.
„Ne estas tiel. Mi ne scias legi, sed mi povas rekoni mian nomon kiam mi vidos ĝin en skribo."
„Same mi povas diri pri mi, sinjoro."
„Tiam ankaŭ vi ne scias legi."
„Ne."
„Kial vi tion ne diris tuj. Iru, mi pripensos pri tio."
Gino ĝoje malproksimiĝis. Subite li ekvidis inan vizaĝon malantaŭ io.
„Annina rigardis mian renkonton kun Jacopo", li diris al si.

## PARTO IV

Nia rakonto nun irigas nin al domego de Venecio. En tiu domego ĉio estis bela kaj riĉa. En unu el la ĉambroj bela dekses-jara junulino parolas kun pastro. Ŝia amikino, pli maljuna sinjorino, estas ankaŭ ĉi tie.

„Dankon pro tio kion vi diris" aŭdigas la junulino. „Tute la samon opinias mia bona amikino Donna Florinda."

La homo ekridis.

„Sed kial la Senato deziras edzinigi min? " daŭrigis la junulino. „Mi estas tro juna kaj mi deziras vivi sola."

„Tiel estas en Venecio" diris la pastro, „ke la lokaj gravuloj atentas pri la filinoj de riĉaj elstaruloj. Tiel, vi ne povas edziniĝi al junulo kiu alvenis el alia lando, se la Senato ne volas."

„Mi estas tiel malfeliĉa ke la Dek Graveguloj tiel multe pensas pri miaj aferoj", ekkriis la junulino. „Mi dezirus havi malpli da riĉo sed pli da libero! "

„Kiam vi estos pli granda, vi alie opinios", respondis la homo kun ekrido kaj post tio aldonis: „Don Camillo Monforte havas pli da kialoj esti malĝoja pro la devoj en nia lando."

„Vere? Ĉu mi povas demandi kio lin alvenigis en Venecion? "

„Vidu, antaŭulo de Don Camillo estis senatano de Venecio. Kvankam la junulo vivas en Kalabrio, li deziras ekhavi siajn domegojn en Venecio, kiuj devenas de la antaŭulo. Pro tio li venis, ĉar la afero ne estas facila."

„Mi sentas grandan dankemon al Don Camillo, ĉar li eltiris min de certa morto. Li estas bona kaj sentima junulo. Kion mi povus nun fari por li? Ĉu mi povas eble paroli kun iuj gravaj homoj, kiuj povus helpi al li? "

La pastro kapneis.

„Filino, estu atenta", li diris mallaŭte. „Se riĉa kaj bela junulino kiel vi montras intereson por junulo, Don Camillo povas ricevi malamikojn, ne amikojn."

Li ekstaris kaj forlasis la ĉambron.

La junulino ekiris al la malfermita fenestro kaj longe rigardis la vivan moviĝadon sur la kanalo. Finfine ŝi diris al sia amikino:

„ Ĉu vi deziras ke ni iru promeni, mia Florinda? "

„La vespero estas tiel bela, kaj mi opinias ke ni povus eliri."

„Mi volas vidi mian karan amikon" diris la junulino, „ni iros al lia domo."

La sinjorinoj surmetis siajn surtutojn, metis maskojn kaj forlasis la ĉambron.

## PARTO V

La gondolo mallaŭte kaj rapide moviĝadis tra la kanalo kaj baldaŭ la bela junulino kaj ŝia amikino alvenis ĝis la pordo de alia domego. Ĝi ŝajnis pli malluma ol la aliaj. En tiu domego troviĝis multaj grandaj pasejoj. La riĉaj beligaĵoj montris ke tio estas la domo de grava homo.

Sinjoro Gradenigo, la estro de tiu ĉi domego, estis maljuna senatano. Kaj li estis atento-patro de la juna kaj bela Donna Violetta.

La du junulinoj alvenis al tuta aro de ĉambristoj kaj helpistoj. Sinjoro Gradenigo mem eliris por atendi ilin.

„Mi volus demandi vin pri io", diris Donna Violetta.

„ Ĉu vi eluzis la tutan monon? " demandis la maljuna senatano kaj ekridis.

liaj okuloj vidis nur la trankvilan marakvon.

## PARTO XVI

Kiam la pastro denove eniris en la ĉambron de Donna Violetta, li estis blanka kiel la morto. Li trairis la ĉambron kaj faligis sin en sian seĝon. Subite aŭdiĝis Don Camillo; la junulo ankoraŭ estis tie. Don Camillo Kaj Donna Violetta vidis neniun ĉirkaŭ si. Ili estis feliĉaj, ĉar la unuan fojon ili estis kune. Kiam Donna Florinda vidis la maljunulon, ŝi ekkriis:

„Vi estas malsana! Kie vi estis tiel longe? "

La pastro nenion respondis. Liaj manoj tremis.

„Patro Anselmo! ", diris Donna Florinda. „Diru, kio okazas al vi."

„Mia koro estas malsana, Florinda," respondis li

„Kial vi lasis nin en tia momento? "

„Bezonis min Sankta Marko, Florinda", respondis la pastro.

„Mi komprenas vin, patro -- vi aŭskultis la kulpojn de iu? "

„Jes, mi aŭskultis. Kaj mi ĉeestis la morton de homo, kiu estis multe pli bona ol tiuj kiuj mortigis lin. Kiel Venecio estas malbonega loko! "

„Kaj kiel malbonegaj estas viaj estroj, Violetta"; aldonis Don Camillo.

„Ĝuste vi diras", eksopiris patro Anselmo. „Tiaj estas la homoj en kies mano estas la vivo de mia lernantino."

Don Camillo ekrigardis tra la fenestro kaj fermis ĉiujn pordojn de la ĉambro. Tiam li revenis al siaj geamikoj kaj diris mallaŭte:

„Ni devas rapide foriri de tie ĉi. Ĉu vi povas kredi al viaj servistoj, Donna Florinda? "

„Malproksime de tio, sinjoro. Tie ĉi estas multaj homoj kiujn senatano Gradenigo venigis."

La junulo turniĝis al patro Anselmo.

„Ĉu ili scias ke mi estas tie ĉi? "

„Malfacile estas diri", respondis la pastro, „sed mi opinias ke neniu vidis nin. Ni uzis sekretan pordon. Nun, junulo, ĉu vi komprenis kiel vi elmetis vin al granda danĝero kiam vi decidiĝis? "

„Patro, mi faris tion nur ĉar mi amas Donna-n Violetta-n! Mi pli ŝatus morti ol ne plu vidi ŝin."

„Tio ĉi estas la lingvaĵo de junuloj kiuj ne plu havas kapon kiam ili enamiĝas. Ĉu vi komprenas ke vi ne estas sendanĝera en via palaco en Venecio? "

„Vere, patro, sed la lando de Sankta Marko ne estas la tuta mondo. Ni povas foriri de tie ĉi."

„La Senato havas longan manon kaj milon da sekretaj helpistoj."

„Patro, en ĉio mi faris kiel vi diris. La Tri Graveguloj havas ĉion kion ĝi bezonas. Nun estas ilia afero kiel ili uzos tion."

„La Tri Graveguloj certe bone faros sian laboron, ne timu."

Giacomo eliris. La senatano denove komencis promeni en la ĉambro kaj pripensadis. Li ekhaltis nur kiam la pordo malfermiĝis kaj eniris homo. Estis maljuna homo en fiŝista vestaĵo. Lia hararo estis blanka kaj sur lia vizaĝo estis videbla boneco.

„Antonio! " ekkriis la senatano. „Kial vi venis? "

„Sinjoro, estas malfacile al mi ĉe la koro."

„Eble la fiŝado estis malbona. Vi estas mia frato – sama patrino atentis pri ni kaj mi ĉiam bonvolas helpi al vi."

„Sinjoro, mi ne venis serĉi monon."

„Se tio ne estas mono, tiam kion vi deziras? "

„Oni faris malbonon al mi, sinjoro."

La senatano senkoloriĝis. Li ĉirkaŭrigardis kaj tiam fermis la pordon, kiu irigis al la apuda ĉambro.

„Mi estas malriĉulo, sinjoro", daŭrigis Antonio, „sed mi havas per kio vivi. La Senato estas mia estro kaj mi ŝatas ĝin. Sed fiŝisto ankaŭ havas siajn sentojn same kiel doĝo."

„Vi estas bona homo, Antonio. Kiam mortis mia filino, vi sentis tiun baton kvazaŭ ŝi estus via infano. Mi ĉiam tenos tion en mia kapo."

„Nia patrino instruis al mi ami aliulojn. Sed la Senato faris malbonon al mi."

„Ankoraŭfoje la Senato! Diru vian peton."

„La sinjoro scias la rakonton de mia vivo. La Senato forprenis de mi miajn kvin filojn por fari el ili militistojn."

„Malfeliĉa Antonio! "

„ Ĉiuj miaj filoj estas mortaj, sinjoro. Sed mi estas ĉi tie por peti bonon, por iu, kiu estas viva."

La vizaĝo de la senatano subite aliiĝis.

„Pri kiu vi parolas? " demandis li malvarme.

„Pri la filo de mia filo", respondis Antonio. „Mi petas vin, sinjoro, ke vi redonu lin. Li ankoraŭ ne havas eĉ dekkvar jarojn, sed ili forprenis lin de mi. Mi estas maljuna kaj tute sola en la mondo."

„ Ĉiu devas fari sian devon. Venecio bezonas ĉiun manon."

„Sinjoro, mi vidis la junan Giacomon kiam mi eniris en la domegon."

„Aŭdu min, maljunulo! Ne forgesu la malsamecon inter filo de fiŝisto kaj juna gravulo", ekkriis la senatano kolere.

Antonio malĝoje movetis la kapon kaj mallaŭte eliris.

La maljuna senatano estis malĝoja. Li iris ĝis la fenestro, haltis tie kaj komencis denove pripensadi.

Eniris ĉambristo. Li diris al la estro ke ankoraŭ unu homo deziras viziti lin.

„Lasu lin eniri", diris la senatano.

Iom poste homo kun masko rapide eniris en la ĉambron. Li deprenis la maskon kaj la senatano ekvidis la senkoloran vizaĝon de Jacopo.

## PARTO VI

„Ĉu vi vidis la homon kiu nun forlasis min? " demandis sinjoro Gradenigo.

„Jes, mi vidis."

„Ĉu vi konas lin? "

„Mi konas lin tre bone. Antonio estas bona fiŝisto kiu laboras de frua mateno ĝis malfrue en la nokto. Ĉiu ŝatas lin."

La senatano rigardis la Sentimulon kun miro.

„Tiu ĉi homo ofte parolas pri aferoj kiuj estas danĝeraj por li", diris la senatano post minuto da silentado.

„Sinjoro, li estas maljuna kaj li ne scias kion li diras."

„Ho ne, li estas tre saĝa homo. Se li estus gravulo, la Senato ŝatus aŭskulti lin. Sed li estas nura fiŝisto. Li ne rajtas paroli pri kio li parolas. Mi amas tiun homon, la sama virino instruis lin kaj min."

„Mi aŭdis tion."

„Bone, Jacopo, se vi konas la fiŝiston, diru al li, ke li estu pli atenta. La Senato povus koleriĝi."

Jacopo faris komprenmovon, dum sinjoro Gradenigo daŭrigis promeni tien kaj reen en la ĉambro.

„Ĉu iu petis vian helpon dum la lastaj dek tagoj? ", demandis la senatano.

„Jes, unu, sed mi ankoraŭ ne scias kion li volas."

„Lian nomon? "

„Unue mi devas ekscii kion li volas kaj poste mi diros al vi lian nomon."

La senatano malgajiĝis.

„Viaj estroj estos koleraj, se vi kaŝos la nomon de tiu homo."

„Estas juna gravulo el Napolo. Li havas iun aferon kun la Senato."

„Ha, Don Camillo Monforte! Ĉu? "

„Jes, sinjoro."

Ekestis longdaŭra silentado. La horloĝo sur la granda placo montris la dek-unuan horon. La senatano rigardis al la junulo.

„Bone", diris li, „ni scios kion vi faris por ni. Nun forlasu min."

La Sentimulo surmetis sian maskon kaj mallaŭte eliris el la ĉambro.

Sinjoro Gradenigo restis sola, ĉirkaŭ unu horon. La plej grandan parton de la tempo li promenis en la ĉambro. Subite iu batis al la pordo. Minuton poste eniris alia homo sub masko.

„Mi ege ĝojas, ĉar mi vidas Don Camillo-n Monforte", diris la estro de la domo, dum la junulo deprenis sian surtuton kaj sian maskon. „Vi malfruis – mi opiniis ke vi tute ne venos."

„Milfoje mi petas vin, ke vi pardonu al mi, elstara senatano."

„Kio estas nova? Ĉu la hispana gravulo aliigis sian opinion? "

„Mi faris ĉion eblan, por montri al li ke estas en lia intereso plaĉi al la senato."

„Belege! La Senato ne forgesos kion vi faris."

„Sed la Senato ankoraŭ ne respondis al mia demando", diris Don Camillo.

„Ne estas facile respondi al tio."

„Kaj nun je la nomo de nia amikeco, ĉu mi rajtas peti de vi ion? Ĉu mi povas paroli kun la anoj de la Konsilantaro? Mi volas pruvi mian rajton."

„Vi ne povas paroli kun ili", diris la senatano. „Tiuj anoj estas sekretaj. Sed mi rakontis al ili pri ĉiuj viaj bonaj faroj. Mia konsilo al vi, amiko, estas tiu ĉi: montru ke vi volas fari ĉion por Venecio kaj la senatanoj estos sur via flanko. Parolu denove kun la hispana gravulo."

„Sed li diris, ke Venecio perdis multon de sia forto."

„Estas vero, sed ni tamen ankoraŭ estas danĝeraj. Se la hispana gravulo volas, ke lia lando vivu sen milito, estus pli bone amiki kun tiaj landoj kia estas Venecio."

„Ĝis revido, elstara sinjoro", diris Don Camillo, dum li prenadis sian maskon kaj sian surtuton. „Mi faros ĉion, kion mi povas. Kaj mi petas vin, diru iun vorton por mi al la senatanoj."

Li eliris kaj fermis la pordon malantaŭ si.

Sinjoro Gradenigo iris al alia pordo de la ĉambro kaj laŭte diris:

„Eniru, mi atendas vin."

Eniris maljuna homo en longa susrtuto.

„Kio interesa okazis dum la tago, bona Hosea? ", demandis la senatano.

„Nenio grava, sinjoro," respondis la homo. „La Konsilantaro sendis al mi la ringo-rekonilon. Ili demandas min de kiu ĝi estas."

„Ĉu vi havas la ringon ĉe vi? " demandis la senatano.

„Ĉi tie ĝi estas. Kiel bela ŝtono! "

„Kies signo estas sur la ŝtono? "

„De la familio Monforte. La lasta senatano de tiu nomo mortis antaŭ iuj dekkvin jaroj."

„Kaj liaj multekostaj ŝtonoj? "

„Ili estas nun de Don Camillo."

„Donu al mi la ringon. Mi devas interesiĝi pri tiu afero. Ĉu vi havas ankoraŭ ion por diri? "

„Nenion, sinjoro – nur, se vi volas vendi tiun ŝtonon, mi petas vin vendi ĝin al mi."

„Mi ne forgesos vin."

Hosea salutis kaj foriris. Sinjoro Gradenigo fermis la pordon malantaŭ li, mallumiĝis kaj forlasis la ĉambron.

## PARTO VII

Kiam la lasta vizitulo forlasis la domegon de sinjoro Gredenigo, la granda Sankt-Marka placo estis malplena. Sur ĝi troviĝis nur unu maljuna homo.

Li staris tie senmove. Lia vizaĝo estis malgaja, kaj de tempo al tempo li ellasis grandan sopiron.

„Kial vi estas ele tiel malfrue, Antonio? ", diris iu apud li.

La fiŝisto altigis la kapon kaj ekvidis homon kun masko.

„Se vi konas min", respondis li, „vi devas scii miajn malfeliĉojn."

„Kiu malfeliĉigis vin? "

„La Senato."

„Ne parolu pri tio ĝuste sub la fenestroj de la doĝo. Kion ili faris al vi? "

„Kunirigu min al tiuj, kiuj sendis vin. Mi ne timas ilian koleron. Mi bonvolas diri miajn malfeliĉojn al la doĝo mem."

La homo deprenis tiam la maskon kaj montris sian vizaĝon en la lumo.

„Jacopo! " ekkriis la fiŝisto kun miro. „Homo kiel vi ne povas havi kun mi ian aferon."

La junulo ruĝiĝis.

„Vi malĝuste opinias. Ĝuste min vi bezonas", diris li mallaŭte.

„Ĉu la Senato sendis vin por mortigi nuran fiŝiston? Tiam faru vian laboron! "

„Mi venis kiel amiko, Antonio. Vi ne rajtas malferme paroli kontraŭ la Senato! "

„Kiam mia koro estas tiel malgaja, mi ne povas silenti. Ili forprenis mian knabon."

„Sinjoro Gradenigo estas via amiko. Mi aŭdis ke lin instruis via patrino. Petu lin helpi al vi."

„Mi ĉion rakontis al li. Li estas senatano, Jacopo, li ne povas kompreni malgravan homon. Lia filo estas libera, kaj mia filo devas esti militisto. Ankaŭ

mi mem foje estis militisto kaj mi militis por Venecio. Sed ili tion forgesis."

„Mia patro ankaŭ estis en militoj", diris la Sentimulo malĝoje, „sed ili ankaŭ tion forgesis."

„Via patro", diris Antonio, „estis mia amiko, pro tio mi tre malĝojas. Kiel malbelegan vivon vi vivas! "

La Sentimulo respondis nenion. Lia vizaĝo estis tute senkolora.

„Malriĉa vi estas, Jacopo, kaj ili donas al vi monon", daŭrigis la maljunulo, „sed neniam estas malfrue ĉion tion forlasi. Ekiru kun mi sur la maro. Ni kune laboros, kaj vi estos mia filo."

Jacopo malgaje movis la kapon. „Kion diras la homoj pri mi? " li demandis.

„Malbone ili parolas pri vi preskaŭ ĉiam, kiam iun oni mortigas en Venecio. Vere, mi faros ĉion eblan por helpi al vi estiĝi denove homo."

La maljuna fiŝisto haltis, kaj tiam daŭrigis:

„Nun mi volas peti de vi konsilon, Jacopo. Ĉu nura fiŝisto kiel mi povus paroli kun la doĝo? "

„Vi povas provi", respondis Jacopo.

„Tiam mi tie ĉi atendos sur la placo, ĝis kiam li morgaŭ eliros el la doĝejo. Mi provos kormovi lin per mia rakonto. Li estas maljuna, sed li ankaŭ estas patro."

Antonio eksidis.

Jacopo nenion respondis, sed li forpromenis ĝis la akvo. Tie li metis la maskon, eniris en sian gondolon kaj aliris la mezon de la ŝiphaltejo.

„Kiu venas? ", demandis iu el ŝipeto kiu estis iom for de la aliaj.

„Roderigo."

„Vi malfruis", diris Stefano kiam Jacopo troviĝis sur la Bella Sorrentina.

„Ĉu la ŝipo estas preta por sia laboro? " demandis la Sentimulo.

„Ĉu la Senato estas preta doni la monon? Tio ĉi estas mia kvara vojaĝo por ĝi, sed mi tro malmulte ricevas por mia nokta laboro."

„Vi sufiĉe ricevas. Krom tio, vi sekrete vendas vian vinon. Vi devas esti atenta pri tio, ĉar alie vi povus perdi ne nur vian ŝipon sed ankaŭ vian liberon."

„Jes, mi aŭdas, ke ĉiu dua homo en Venecio ricevas pagon por sciigi la Senaton kion la aliaj diras kaj faras", ekridis Stefano. „Estas malfeliĉo, Roderigo, ke la Senato lasas tiujn sentimulojn libere moviĝi."

„Pri kiu vi parolas? "

„Vidu unu el ili, Jacopon..."

„Mi ne konas lin."

„Li estas la plej danĝera sentimulo en Venecio. Vere, viaj kanaloj estas bonegaj ripozejoj por subitaj mortoj."

„Ĉu vi ne opinias, ke la homoj povus diri multajn malverojn pri tiu

homo? "

„Sentimulo estas sentimulo! " diris Stefano kaj tiam aldonis: „Deprenu vian maskon, sinjoro Roderigo. Vi ne bezonas ĝin, kiam vi parolas kun amiko."

Jacopo kapneis. „Ne, kara mia. Mi laboras por la Senato kaj mi ne rajtas depreni la maskon."

„Do, se vi ne rajtas, vi ne rajtas."

„Bone, Stefano, pretigu vian ŝipon, eble oni bezonos vin post kelkaj minutoj."

„Vi devas nur alporti viajn aferojn, sinjoro."

„Ĝis revido."

„Ĝis revido, sinjoro Roderigo. Ĉio iros bone."

La sentimulo eniris en sian gondolon kaj foriris de la ŝipo. Post kelkaj minutoj ĉio estis denove silenta proksime de la ŝipo kaj en la ŝiphaltejo.

## PARTO VIII

Venis la mateno. Kiam la suno montriĝis, milo da gondoloj alrapidis sur la akvo.

Baldaŭ hommulto pleniĝis la grandan placon. Aŭdiĝis kantado. La gondoloj komencis ariĝi ĉirkaŭ la ŝiphaltejo. La aliaj ŝipoj flankiĝis, tiel ke fariĝis kanalo de Piazzetta ĝis la fino de la ŝiphaltejo. Finfine alvenis la Bukentaur, la ŝipo de la doĝo. El la palaco eliris aro da senatanoj kun aro da servistoj. Ili trapasis la placon kaj ekprenis siajn lokojn sur la granda Bukentaur. Kun ili estis alilandaj vizituloj. Laste venis la doĝo, maljunulo en riĉaj vestaĵoj.

Subite iu fiŝisto alkuris kaj faligis sin antaŭ la piedoj de la doĝo.

„Granda doĝo! " ekkriis li. „Aŭdu homon kiu militis por sankta Marko! "

„Kiu estas vi? " demandis la doĝo malvarme.

„Mi estas fiŝisto. Mi nomiĝas Antonio. Mi petas vin, redonu al mi mian knabon, kiun ili deprenis de mi."

La doĝo respondis nenion. Li faris manmovon. La militistoj tuj forigis Antonion. Tuj kiam la doĝo venis sur la ŝipon, Bukentaur malproksimiĝis. Oni aŭdis kriadon de la homoj. Multaj alkuris ĝis la maro. La kanalo nigriĝis de la gondoloj kiuj iris kun la granda ŝipo. Finfine Bukentaur haltis. La doĝo altigis la manon, en kiu li tenis ringon. Tiam li diris kelkajn vortojn kaj ĵetis la ringon en la maron. Denove aŭdiĝis ekkrioj. Meze de tiuj krioj iu ŝipeto proksimiĝis al Bukentaur. La brakoj de la homo sur ĝi estis ankoraŭ fortaj, kvankam lia hararo estis blanka. La maljunulo rigardis la vizaĝojn de la riĉaj senatanoj kaj tiam la akvon

Bukentaur malrapide moviĝis. Estis tempo por la ŝipkuro.

Dek grandaj gondoloj ekprenis siajn lokojn sur unu flanko de la kanalo. En ĉiu el ili estis kvar homoj. Aŭdiĝis la signo por la foriro kaj la gondoloj ekkuregis. Kiam ili alvenis ĝis la duono de la kanalo, oni ne sciis kiu estos la plej bona. Iom post iom, tri ŝipetoj malproksimiĝis de la aliaj. Tiuj tri, rapidege, alvenis al Bukentaur. La plej bonaj de la ŝipkuro estis ili.

Tiam venis la tempo por alia ŝipkuro, tiu de la plej bonaj gondolistoj de Venecio.

La unua gondolisto kiu pretigis sin por partopreni estis homo kiun ĉiu konis pro liaj gondolistaj scipovoj kaj lia kanto pri la kanalo.

„Kiel vi nomiĝas kaj kiu estas via sanktulo? ", demandis lin gravulo de sur la ŝipo.

„Mi nomiĝas Bartolomeo. Mi vivas en Venecio kaj mia sanktulo estas sankta Teodoro."

„Ekiru al via loko kaj atendu."

Al alia homo oni faris la saman demandon.

„Mi nomiĝas Enrico, gondolisto el Fusina. Mia sanktulo estas sankta Antonio."

La tria homo estis Gino, kaj lia sanktulo sankta Marko. Kiam li ekiris al sia loko, la gondolo de fiŝisto venis al la ŝipo Bukentaur.

„Kion vi faras tie ĉi" demandis la gravulo.

„Mi volas provi", respondis la maljunulo kiu estis en la gondolo.

„Vi estas maljuna."

„Sesdek-jara estas mi."

„Via vesto estas tro malriĉa por tia okazo."

„Tiu estas la plej bona kiun mi havas."

„Vi ne povas partopreni. Faru lokon al tiuj, kiuj estas pli fortaj."

La maljunulo volis formovi sian ŝipeton aliflanken sed tiam la doĝo diris:

„La ŝipkuro estas por ĉiuj. Starigu al li la demandojn kiel al la aliaj."

„Kiel vi nomiĝas kaj kiu estas via sanktulo? ", demandis la gravulo.

„Mi nomiĝas Antonio, fiŝisto. Mia sanktulo estas sankta Antonio."

„Ekiru al via loko. Ho! Venas homo kun masko. Kiu vi estas? "

„Nomu min Masko! "

La gravulo turniĝis al la doĝo.

„Ĉu ni permesos al homo sub masko partopreni la ŝipkuron? "

„Kial ne? Masko havas sian lokon en Venecio", respondis la doĝo.

„Kiu sanktulo helpu al vi? ", daŭrigis la gravulo.

„Mia mano."

La homo sub masko ekprenis sian lokon. Ankoraŭ tri aŭ kvar gondolistoj diris al la gravulo, ke ili volas partopreni la ŝipkuron. Nun ĉiuj iris al la deirejo.

## PARTO IX

Okazis, ke la ŝipetoj de la homo sub masko kaj de Antonio venis unu apud la alian.

„Ili estas kontraŭ vi, ĉar vi havas tro malriĉajn vestajojn", diris la homo sub masko.

„Kaj tamen mi estas bona homo kaj mi povas montri mian vizaĝon", respondis la fiŝisto.

„Estas kialoj pro kiuj mi metas maskon. Mi ŝatas vian sentimecon, fiŝisto. Ne estas facile en la ŝipkuro."

Ĉiuj ŝipetoj troviĝis proksime de ponto Rialto, meze de la Granda Kanalo. Apud la kanalo, inter la ponto kaj Bukentaur estis grandegaj aroj da homoj kiuj venis rigardi la ŝipkuron. La gondoloj ekprenis siajn lokojn unu apud la alia. Nun aŭdiĝis la signo kaj la kurado komenciĝis. En la unuaj minutoj ĉiuj ŝipetoj movis sin unu apud la alia. Sed iom post iom, Enrico el Fusina foriris antaŭen. Poste venis Bartolomeo. La gondolisto de Don Camillo ankaŭ pasis antaŭen kaj li estis la tria. La homo sub masko kaj la maljuna fiŝisto preterpasis malantaŭ ĉiuj. Sed baldaŭ tiuj du ŝipetoj preterpasis Ginon kaj komencis proksimiĝi al la du unuaj gondoloj.

Enrico ankoraŭ estis la unua. Sed li videble estis laca. Tiam okazis io, kion oni ne atendis. La ŝipeto de la homo sub masko pasis apud la aro kaj ekestis kvara en la ŝipkuro. La homoj salutis lin kun krioj. Sed ili ankoraŭ pli miris kiam la maljuna fiŝisto alvenis post la homo sub masko kaj ekprenis la kvinan lokon. La ŝipkuro malfaciliĝis. Enrico uzis siajn tutajn fortojn, sed lia gondolo ne iris pli rapide. La gondolo de Bartolomeo preterpasis lin. Gino kaj la Masko venis poste. Kaj tiam Antonio.

Enrico senesperiĝis, ĉar li komprenis, ke li ne plu povas esti la unua. Li ekploris en sia ŝipeto. Tiuj, kiuj estis malantaŭ li ankaŭ haltis, tiris la ŝipetojn flanken kaj ĉiuj forgesis ilin. Sed la ŝipkuro daŭris. Bartolomeo nun estis la unua. Sed ankaŭ li laciĝis kaj la gondoloj de Gino, de la Masko kaj de Antonio preterpasis lin. La ŝipeto de la Masko komenciĝis moviĝi pli rapide kaj lia boato iris antaŭen. Antonio venis post li. Kiam la du gondolistoj venis unu apud la alian, la homo sub masko ekkriis al la maljunulo:

„Ĉu vi vere volas esti la unua? Ĉu vi estos feliĉa ankaŭ se vi estos la dua?"

„Ne. Mi devas esti la unua, se ne mi ne bezonis partopreni."

La gondolisto sub masko silentis, sed li ekiris malpli forte, kvankam Bukentaur estis tute proksime. La gondolo de la maljuna Antonio preterpasis lin kaj alvenis la unua. La ŝipeto de la Masko alvenis tuj poste kaj malantaŭ ĝi venis Gino kaj Bartolomeo. Dek mil homoj salutis Antonion. Junaj kaj maljunaj, ĉiuj volis vidi la fiŝiston.

PARTO X

La tri gondoloj alvenis ĝis Bukentaur kaj oni diris al la gondolistoj, ke ili venu sur la ŝipon.

„Venu pli proksimen", diris la doĝo al la maljuna fiŝisto, kiu troviĝis antaŭ la aliaj. „Vi ricevos la unuan premion."

Antonio salute faligis sin, tiam ekstaris kaj aliris al la doĝo.

„Mia devo estas, Antonio", daŭrigis la doĝo, „premii vin per tiu ĉi ora ĉeno. Prenu ĝin, maljunulo! "

„Doĝo de Venecio! " ekkriis Antonio. „Ne pro oro mi partoprenis la ŝipkuron."

Ĉiuj miris, kiam ili aŭdis tiujn vortojn.

„Granda doĝo, estas je via povo fari la lastajn tagojn de unu maljunulo pli feliĉaj", daŭrigis Antonio. „Redonu al mi mian infanon."

La doĝo rigardis al sinjoro Gradenigo.

„Ĉu tio estas la sama homo, kiu jam petis min, ke lia knabo povu forlasi la militistaron? "

„La sama", respondis sinjoro Gradenigo malvarme.

Antonio denove falis al la planko.

„Granda doĝo", ekkriis li. „Eble miaj vortoj estas mirindaj por vi, sed ankaŭ fiŝisto havas la samajn sentojn kiel doĝo. En militoj mi estis por Venecio. Nun mi estas maljuna kaj vi forprenis mian nuran infanon. Kiu fermos al mi la okulojn, kiam mi mortos? "

„La leĝojn oni ne povas aliigi. Prenu vian ĉenon kaj iru", diris la doĝo malamike.

La fiŝisto ekstaris, sed ne prenis la premion.

„Mi ne petas oron". diris li. „Donu al mi mian infanon aŭ donu al mi nenion."

„Forigu lin! Li ne scias kion li diras! " ekkriis la plimulto de la senatanoj.

Ili forigis Antonion de sur la ŝipo.

„Venigu la duan", daŭrigis la doĝo.

La homo sub masko salutis.

„Granda doĝo", diris li, „ankaŭ mi havas unu peton. Donu al mi iun alian premion."

„Mirige! Ĉu mi devas peti ankaŭ vin preni vian premion? "

„Mi petas tre malmulte."

„Diru, kion vi volas", diris la doĝo.

„Redonu la knabon al la maljunulo."

„Kiel vi ne timas denove starigi tiun demandon! Kiu vi estas, por tiel paroli? "

„Mi estas la dua en la ŝipkuro."

„Deprenu vian maskon. Ke mi vidu vian vizaĝon."

La gondolisto malrapide deprenis la maskon kaj ĉiuj vidis la senkoloran vizaĝon de Jacopo.

La doĝo miris.

„Mi ne konas vin", diris li finfine.

Tiam venis sinjoro Gradenigo kaj mallaŭte diris ion al li.

La doĝo ankoraŭfoje ekrigardis Jacopon kaj faris manmovon. La junulo salutis kaj foriris.

„La gondolisto de Don Camillo venu antaŭ la doĝon", ekkriis la gravulo apud la doĝo.

„Mi venas", respondis Gino.

„Ĉu vi estas Kalabriano?"

„Jes, sinjoro."

„Ŝajnas, ke via estro estas feliĉa havi tiel bonan serviston?"

„Eĉ tro feliĉa, sinjoro."

Multaj senatanoj ridis pro tiu ĉi respondo.

„Prenu vian premion."

Gino salutis la doĝon kaj prenis la premion.

La ĝojado daŭris la tutan tagon.

## PARTO XI

Malfrue nokte gondolo alvenis al la ŝiphaltejo.

„Bonvenon, Antonio, kvankam vi malfruis", diris la homo kiu venis antaŭ la gondoliston.

„Mi rekonas vin, kvankam vi estas sub masko", diris la fiŝisto. „Dank' al vi mi estis la unua, amiko mia."

„Mi malĝojas, ke ĉio ne finiĝis kiel vi esperis. Ili ne volas redoni al vi la infanon. Sed kial vi ne prenu la premion? Mi alportis la oran ĉenon."

La maljunulo kapneis.

„Mi ne bezonas ĝin", diris li. „Retenu ĝin. Ĝi plenrajte estas via. Vi estas la plej bona gondolisto en Venecio."

„De mia infanaĝo mi tenis remilon en la mano. Sed neniam antaŭe mi vidis pli bonan remiston ol vi. Kaj vi estas multe pli maljuna ol mi!"

„Estis tempo, Jacopo, kiam mi estis la plej bona remisto en Venecio. Hodiaŭ mi faris mian plejon por esti la unua, sed nenio helpis."

„Ne senesperiĝu. Kaj nun venu kun mi. Ili sendis min por venigi vin."

La junulo atendis ĝis Antonio lasis la gondolon. Tiam li ĵetis surtuton sur la maljunulon.

„Vi ne bezonas maskon", diris li. „Neniu rekonos vin, Antonio, en tiu ĉi vestaĵo. Nun venu kun mi kaj silentu."

Li signis al Antonio, kaj ili ekiris al la doĝejo. Ili eniris. Subite militisto haltigis ilin.

„Kiu alvenas? ", demandis li.

„Amikoj de Venecio kaj Sankta Marko."

„Vi ne povas trapasi sen la pasvorto."

Jacopo aliris la militiston kaj diris mallaŭte ion al li. Tiu ĉi tuj ekstaris flanken. La du homoj rapide trapasis. Baldaŭ ili alvenis al sekreta pordo. Fin-fine, post trapaso de multaj ĉambroj, ili eniris en iun ejon kiu, kiel la aliaj, ŝajnis tre malluma.

„Vi tre bone konas la doĝejon", diris la fiŝisto.

Jacopo nenion respondis. Li pripensis iomete. Tiam li diris:

„La grandaj senatanoj denove volas paroli kun vi, Antonio. Ne diru ion, kio povus malplaĉi al ili."

„Sed ĉu mi povas ion plaĉan diri al tiuj, kiuj forprenis mian infanon? "

„Ne gravas, provu."

„Mi diris nur tion, kion mi opinias. Kaj mi ne plu esperas, ke mi ricevos de ili la liberecon por mia infano."

Post kiam li tion diris, Antonio iris al la pordo. Subite du militistoj montriĝis antaŭ li. La maljunulo nun komprenis, ke li estas mallibera. Do, li rerigardis kun sopiro al Jacopo.

## PARTO XI

Vi, kiu legas, certe komprenis, ke Antonio troviĝas nun antaŭ la pordo de la Tri Graveguloj. La pordo tuj malfermiĝis kaj servisto signis al Jacopo ke li alproksimiĝu. Antonio eniris kun li en la ĉambron. Tiu ĉambro ne estis granda. Meze staris tablo. Malantaŭ la tablo sidis tri homoj. Unu el ili havis ruĝan vestaĵon, la du aliaj nigran. Apud la tablo estis du skribistoj. En la ĉambro estis silento ĝis la anoj de la Konsilantaro rigardis Antonion. Tiam unu el la skribistoj demandis:

„Via nomo? "

„Antonio, sinjoroj."

„Ĉu vi havas filon kiu ankaŭ estas fiŝisto? "

„Miaj filoj mortis dum la milito kontraŭ la Turkoj."

La skribistoj ekmiris. Ili mallaŭte parolis kaj rigardis la skribaĵojn en siaj manoj. Unu el la Tri Graveguloj faris signon kaj oni forigis Antonion kaj Jacopon el la ĉambro.

„Estas ia eraro! " diris unu el la Tri sub maskoj.

„Eble la fiŝisto diris al vi malverajon", respondis la skribisto.

„Vi eraras", diris la dua el la Tri Graveguloj. „Kiel diris la maljunulo, liaj filoj mortis dum la milito kontraŭ la Turkoj. Nun li provadas rehavigi al si filon de sia filo, kiu ankoraŭ estas infano."

„La elstara sinjoro diras la veron", diris la skribisto. „Ni rapidis, kaj ni faris eraron."

„Enirigu denove la homon", aŭdiĝis.

Antonio kaj lia amiko eniris en la ĉambron.

„Viaj filoj mortis en la servo de Venecio, Antonio."

„Jes, ili mortis, sinjoro."

„Unu el viaj filoj havis filon, ĉu ne? "

„Mi havis unu, elstara sinjoro. Mi esperas, ke li ankoraŭ vivas."

„Li nun estas kun vi? "

„Oni faris de li militiston, sinjoro. Mi petegas vin lasi la knabon reveni al mi."

„Ekstaru. Ni ne plu parolas pri tio. Hodiaŭ vi diris vian peton al la doĝo."

„Mi petis la doĝon liberigi la knabon."

„Vi parolis kun la doĝo sen estimo."

„Mi parolis kun li kiel patro kaj homo."

La Tri iom maltrankviliĝis. La skribisto daŭrigis:

„Kiam ne sukcesis via peto, vi decidis partopreni la ŝipkuron, kvankam vi surhavis malriĉajn vestajojn."

„Jes, tiel mi faris, sinjoroj. Mi estis la unua en la ŝipkuro nur pro tio, ĉar al mi helpis tiu ĉi homo apud mi."

La senatanoj denove ekmiris.

„Ĉu vi aŭdas, Jacopo? " demandis unu el la Tri. „Kion vi respondos al la fiŝisto? "

„Sinjoroj, li diris al vi la veron."

„Kaj vi maltimis priridi nin tiel? "

„Mi malĝojis pro tiu ĉi maljunulo, kiu amas sian knabon."

Post tiu respondo ekestis longa silento. Tiam unu el la Tri sekrete faris signon, kaj la skribisto daŭrigis la demandadon.

„Ĉu vi volas denove fari vian peton? "

„Jes, sinjoroj."

„Vi forgesas, ke la ĉeno estas el oro."

„Redonu al mi mian knabon. Mi ne bezonas oron, kaj tion mi povas pruvi. Mi povas doni al vi tion ĉi."

La fiŝisto alproksimiĝis, kaj metis sur la tablon grandan oran ringon.

„Kiel tio eblas? " ekkriis unu el la Tri. Ŝajnas ke estas la ringo kiun la doĝo hodiaŭ jetis en la maron! ".

„Jes", respondis la fiŝisto.

„Ĉu vi partoprenis en tio ĉi, Jacopo? ", daŭrigis la senatano.

„Ne, sinjoro", respondis la junulo.

„Rakontu al ni, Antonio", diris la senatano, „kiel vi havigis al vi la ringon? "

„Mi bone konas la lokon kie Bukentaur ĉiam haltas. Mi antaŭe metis retojn sub la akvo."

„Kial vi tion faris? "

„Mi volis revenigi mian knabon el la militistaro."

„Ĉu vi ne parolis al viaj amikoj kontraŭ la leĝoj de Venecio? "

„Ne estas facile resti silenta, kiam la koro estas plenplena."

„La hommulto volis veni ĝis la doĝejo kaj peti la doĝon lasi vian knabon? "

„Jes, multaj miaj amikoj volis tiel fari."

„Kaj vi mem? "

„Mi estas maljuna kaj mi scias ke la senatanoj ne volus aŭskulti nuran fiŝiston."

Denove iĝis silento. Tiam unu el la Tri diris:

„Vi povas iri, Antonio. Ne parolu pri tio, kio okazis kaj atendu nian decidon."

„Elstara senatano", respondis la maljunulo, „mia koro estas plena kaj mi volas diri kelkajn vortojn pri mia infano antaŭ ol foriri."

„Parolu."

„Mi militis por Venecio dum la milito kontraŭ la Turkoj. Mi preskaŭ mortis. Mi kuŝis dum multaj semajnoj. Kiam mi denove revenis al mia fiŝado, mi sendis miajn filojn al la militistaro. Ili sur mia loko militis kontraŭ la malamikoj kaj ili neniam revenis. Kaj nun vi prenis infanon de mi. Sola en la vivo, eble mi havos malbonan finon. Mi devas rehavi mian infanon kaj ĝi devas resti kun mi ĝis mia morto. Sinjoroj, vi estas riĉaj kaj vi ne komprenas la malfacilan vivon de malriĉulo. Sed tamen vi devas kompreni, ke eĉ fiŝisto havas sentojn kiel la doĝo."

„Vi povas iri", diris unu el la Tri.

„Ne ankoraŭ, sinjoro. Mi havas ankoraŭ ion por diri pri miaj amikoj. Ili opinias, ke Sankta Marko devas aŭskulti la malriĉajn homojn same kiel la riĉajn gravulojn. La fiŝistoj devas havi la samajn rajtojn kiel la senatanoj."

„Ĉu ili maltimas tiel paroli? "

„Jes, ili maltimas, sinjoroj. Ni estas malriĉaj fiŝistoj, kiuj frue matene vekiĝas por jeti retojn kaj ni revenas nokte en malbonajn litojn. Sed ni estas homoj kaj la Senato devas scii ke ni estas homoj. Mi ne konas vin – vi estas sub viaj maskoj kaj surtutoj, sed unu inter vi eble estas patro. Al li mi parolas. Vi forprenis mian infanon por servi en la militistaro. Vi ne aŭskultis mian peton. Vi estis tiel malbona, ke..."

Lin haltigis lia juna amiko, kiu prenis lin je la mano.

„Kial vi haltigis lin?" malvarme demandis la homo en ruĝa vestajo.

„Sinjoroj", respondis Jacopo, „tiu ĉi maljuna fiŝisto ne scias kion li diras. Estas pro tio, ke li ne plu havas sian infanon. Li povus diri aferojn, pro kiuj li poste malĝojus."

„Vi du povas iri."

La skribisto donis signon al la militistoj, kiuj aliris kaj eligis Antonion kaj lian amikon.

## PARTO XIII

Kiam la Tri restis solaj, ili kune ekstaris kaj deprenis la maskojn kaj la surtutojn. Sub la maskoj estis vizaĝoj de maljunuloj. Poste ili revenis al la tablo. Estis longdaŭra silento.

„Pri kio vi pensas, sinjoro Gradenigo?", finfine demandis unu el la Tri Graveguloj.

„La interparolo kun la fiŝisto pensigis min pri mia infaneco", respondis la senatano.

„Mi aŭdis, ke vin du instruis la sama patrino."

„Jes, en la unuaj jaroj de la vivo ni vivis kune."

„Mi ĝojas, ke nur la fiŝisto malĝojigas vin. Mi aŭdis, ke via filo ankaŭ faras malbonajojn", diris la dua homo.

Sinjoro Gradenigo senkoloriĝis kaj malvarme rigardis lin.

„Ĉu la junulo faris ion malbonan?", demandis li. „Vi diros la veron al lia patro."

„Jes, ni aŭdis ion", ili respondis al li, „sed ne maltrankviliĝu, tio ne estas tiel malbona."

„Kiel vi scias, sinjoroj, junaj homoj ofte faras malsaĝajojn", diris la patro. „Iam ankaŭ ni estis junaj. Sed kion li faris?"

„Li provas havigi al si Donna-n Violetta-n. Sed por ŝi la Senato trovas edzon. Via filo tion tre bone scias."

„Tia estas la leĝo kaj mia filo estimas ĝin. En la nomo de mia filo mi petas la manon de la junulino. Nun mi atendas la decidon de la Senato."

„Kion vi povas diri pri la junulino mem?"

„Mi malĝoje devas diri, ke ŝi enamiĝis al Don Camillo Monforte. Ne estos facile por la Senato edzinigi ŝin al tiu kiun ĝi volos por ŝi."

„Sed ŝia edzo rajtas esti alilanda gravulo. Kaj doni ŝian manon al li povas esti grava por la interesoj de Venecio."

„Sinjoroj, vi rajtas decidi, ke ŝi ne estas por mia filo. Ni povas devigi ŝin edziniĝi al alilanda gravulo. Sed estus multe pli facile se Don Camillo ne estus ĉi tie. Ĉu ni ne povas kiel eble plej baldaŭ decidi pri lia peto. Post tio

li reiros al sia Kalabrio."

„Tio estas grava afero kaj ni ne rajtas tro rapidi."

Post mallonga halto, la plej maljuna senatano diris:

„Sinjoroj, ni devas priparoli la aferon de la fiŝisto. Sed nunc ni priparolos pri la ringo kiun oni trovis dum la lasta nokto. Sinjoro Gradenigo, kion vi aŭdis? "

„La papereto kiun oni trovis montras ke Don Camillo havas sekretan planon. Li volas foririgi kun si Donna-n Violetta-n. La homo kiu skribis tiun ĉi papereton sendas la ringon de Don Camillo. Tio montras, ke Don Camillo kredas al li. Tial estas klare, ke tiu homo diras la veron."

„Ĉu vi estas certa, ke tio estas la ringo de Don Camillo? "

„Tute certa. Mia Hosea rekonis ĝin."

„Ĉu vi ne povas rekoni kiu skribis la papereton? "

Sinjoro Gradenigo iom ruĝiĝis, kaj post tio trankvile diris:

„Ne, mi ne povas."

„Tiam ni devas serĉi aliajn pruvojn. Ni devas esti atentaj. Don Camillo estas riĉa elstarulo kaj ni ne povas pri li diri kion ajn kiel pri nura gondolisto."

„Pri la junulo, via opinio estas ĝusta", respondis sinjoro Gradenigo, „sed kiel ni eldanĝerigu la junulinon? "

La aliaj du senatanoj interrigardis.

„Sinjoro Gradenigo", komencis unu el ili, „ni priparolis tiun ĉi aferon sen vi. Ne estas bone por vi. Kaj ni devas sendi la junulinon for de Venecio al sendanĝera loko. La doĝo mem opinias, ke tio estas la ĝusta decido."

Kvankam tiu ĉi decido estis bato por sinjoro Gradenigo, li estis sufiĉe saĝa por ne montri tion.

„Mi dankas al vi, ege multe, sinjoroj", diris li. „Mi tre ĝojas pri via decido. La junulino estis granda zorgo por mi. Nun la peto de Don Camillo povas atendi, ĉar vi foririgas Donna-n Violetta-n."

„Tiel ni trovis feliĉan interkomprenon pri Donna Violetta", daŭrigis la plej maljuna senatano. „Ĉu ni iru nun vidi la doĝon, sinjoroj? "

„Vi forgesas la fiŝiston", diris sinjoro Gradenigo.

„Estas vero."

Dum certa tempo ili parolis pri la maljunulo. Ĉar ni klarigos poste en tiu ĉi rakonto la decidon de la Tri Graveguloj, ni ne diros nun ilian interparolon. Kiam ili finis sian laboron kaj ekstaris, la horloĝo sur la placo montris noktomezon.

„La doĝo atendas", finfine diris unu el ili. „Mi opinias, ke li hodiaŭ ŝajnis laca."

„Li ne plu estas juna. Mi kredas, ke li estas multe pli maljuna ol ni", respondis sinjoro Gradenigo.

„Li estas pli maljuna. Mi ne mirus, se li baldaŭ mortus."

La senatanoj surmetis siajn surtutojn kaj kune forlasis la ĉambron. La servistoj eniris kaj mallumiĝis. La tuta domego mallumiĝis kaj silentiĝis.

## PARTO XIV

Kvankam estis malfrue, la gondoloj ankoraŭ iris tra la kanaloj kaj, ie kaj tie, oni povis aŭdi ridon kaj kanton. La ĉefaj placoj estis plenaj de ĝoja hommulto eĉ en tiu tempo.

La domego de Donna Violetta estis malproksime de la mezo de Venecio. Donna Violetta kaj Donna Florinda staris apud fenestroj kaj rigardis la arojn da homoj sur la strato. Ankaŭ la pastro estis en la ĉambro.

„Eble estas lokoj pli belaj ol Venecio", diris Violetta, „sed nokte neniu estas tia kia Venecio."

„Aliaj lokoj estas plaĉaj en alia kielo", diris la pastro.

Tiam aŭdiĝis muziko de sur la akvo. Donna Violetta mire malantaŭeniĝis sin.

„Tio estas juna gravulo", diris Donna Florinda trankvile. „Tie estas gondolistoj kaj servistoj kun liaj koloroj."

La pastro malĝoje movis la kapon.

„Tiu homo ne estas atenta", diris li.

„Tio estas por mi! ", mallaŭte diris Violetta.

„Tio estas por unu el ni, vere", diris ŝia amikino kun rideto.

„Tiu homo ne estas atenta", rediris la pastro.

Donna Florinda rigardis malsupren.

„En unu gondolo estas kantistoj", daŭrigis ŝi, „kaj en la alia estas junulo."

„Ĉu li ne havas remistojn? Ĉu li mem remas? "

„Ne, en la ŝipeto estas ankaŭ gondolisto."

„Aŭdigu vin al ili, plej kara Florinda."

„Ĉu estas bone? "

„Ho jes, aŭdigu vin al ili. Diru, ke mi estas filino de Venecio. Ne estas bele tiel postiri min diru kion vi volas - sed aŭdigu vin."

„Ha! Estas Don Camillo Monforte. Mi rekonis lin."

„Ili malliberigos lin pro tio ĉi. Baldaŭ pasos policista gondolo. Petu lin foriri, bona Florinda."

Donna Florinda ne sciis kion fari.

„Patro, diru al ni kion ni faru. Vi komprenas, kiom la afero estas danĝera", diris ŝi.

La pastro nenion respondis. Li ekstaris kaj eliris el la ĉambro. Violetta ĵetis sin al sia amikino kaj ŝiaj belaj okuloj estis plenaj de ploro. Tiam la mu-

ziko haltis kaj aŭdiĝis remiloj.

„La gondoloj malproksimiĝas", ekkriis Donna Violetta. „Kaj ni eĉ ne aŭdigis nin al ili! "

„Estis tro danĝere. Nun restu tie ĉi. Mi ekrigardos."

Donna Florinda denove kuris al la fenestro.

„La gondolo kun kantistoj jam eniras en la Grandan Kanalon", ekkriis ŝi, „sed mi ne povas vidi la alian."

„Mi petas vin rigardi denove. Kie estas la junulo? "

„Ho, mi vidas lian gondolon, sed ne lin. Lia servisto sidas tie, sed..."

„Ho, kio okazis al la sentima Don Camillo? "

„Nenio! " ekkriis iu proksime.

Donna Violetta rerigardis kaj vidis Don Camillo-n apud siaj piedoj. La pastro staris ĉe la pordo kaj ridetis. La du junulinoj ekkriis kun miro.

„Ekstaru, Don Camillo", diris la junulino.

„Kara Violetta", diris li, „vi ne lasos la Senaton doni vian manon al sia homo, al homo kiu edzinigus vin nur pro via mono."

„Al kiu mi devas edziniĝi? ", demandis Violetta.

„Ne gravas al kiu, sed tiu ne estos mi."

„Sed mi estas senpova en iliaj manoj."

La pastro haltigis ŝin:

„Don Camillo, kiam mi lasis vin eniri, mi volis eldanĝerigi vin. Ne provu nun fari ion kontraŭ la plaĉo de la Senato."

„Diru unu vorton, kara Violetta, kaj nek la Senato nek la polico povos fari ke mi lasu vin."

La junulino ekmovetîĝis.

„Camillo", diris ŝi, „vi revenigis min al la vivo kaj vi ne rajtas plankenigi vin antaŭ min."

„Filino mia", komencis la pastro.

„Ne aŭskultu lin, kara Violetta", ekkriis la junulo. „Li estas maljunulo, kiu ne komprenas la sentojn de la junaj homoj. Krom tio, li estas pastro! "

La pastro movis la kapon kaj ekiris malantaŭen. Donna Florinda pensis ke venis por ŝi la tempo diri ion:

„Sinjoro Monforte", diris ŝi malplaĉe, „kiel ni sciu ke vin ne altiras la mono de mia juna amikino – same kiel la homon kiun volas la Senato? "

„Ho! ", ekkriis Violetta.

„Miaj aferoj en Venecio ne estas sekreto", diris Don Camillo. „Mi volas ricevi la teron kaj la domojn kiujn oni antaŭ longe deprenis de mia familio. Sed ĝoje mi forlasos ilin se vi diros unu vorton."

„Ĉu vi aŭdas, Florinda? Ni povas kredi al Don Camillo.", diris Violetta.

„Mi ne timas la Senaton kaj la povon de Sankta Marko! ", daŭrigis Don Camillo. „Ni iros al mia kalabria palaco. Tie neniu povos nin disigi! "

„Bona Camillo! "

„Estu mia kaj ne lasu ilin decidi pri vi. Vi ne estas ajo en iliaj manoj sed viva junulino."

„Ili eble lasos min decidi pri mia edzo. Sinjoro Gradenigo esperigis tion al mi."

„Ne kredu al li. Neniu koro en Venecio estas pli malvarmega ol lia. Li provos edzinigi vin al sia filo tre malbona homo! "

Violetta grande malfermis la okulojn.

„Ho jes, li estas la plej malbona junulo en Venecio", diris ŝi.

La pastro iris al Don Camillo kaj prenis lin per la mano.

„Estas tempo ke vi iru", diris li trankvile. „Tiu ĉi palaco estas sub atentado. Se ili trovos vin tie ĉi, ili metos vin en malliberejon."

„En malliberejon, patro? ", ekkriis Donna Violetta.

„Ho jes, ili faros tion, filino", respondis la pastro. „Oni ne rajtas koleriĝi la Senaton! "

Antaŭ ol ŝi sukcesis respondi, Don Camillo haltigis ŝin'

„Ne ektimu. Nur diru ke vi volas iri kun mi kaj post unu horo ni estos malproksime de Venecio."

„Ĉu vi aŭdas, Florinda? ", ekkriis Violetta.

„Tio estas bona por Don Camillo, sed ne por vi. Junulino de elstara familio devas atendi la decidojn de tiuj kiuj zorgas pri ŝi.", diris la pastro decide.

„Kaj se ili volas edzinigi min kun Giacomo Gradenigo? "

„La Senato trovos la ĝustan homon por vi." La pastro turniĝis al Don Camillo kaj daŭrigis:

„Por vi estas danĝere resti pli longe ĉi tie", diris li. „Estus pli bone ke vi iru."

„Sola, patro? "

„Ĉu Donna Violetta povas forlasi la domon de sia patro tiel subite, kaj kun homo kiun ŝi tiel malmulte konas? "

„Vere, sinjoro Monforte, ŝi ne povas doni al vi pli ol iom da espero", diris Donna Florinda.

„Ĉu vi donas ĝin, kara Violetta? ", demandis Don Camillo.

Donna Violetta pripensis dum mallonga tempo. Poste ŝi diris trankvile sed decide:

„Jes, Camillo."

Florinda kaj la pastro ekkriis pro miro.

„Don Camillo estis sufiĉe sentima por jeti sin en la maron por eldanĝerigi min", daŭrigis Donna Violetta, „kaj mi estas sufiĉe sentima por tion diri al li. Se la Senato volos ke mi edziniĝu al alia homo, mi pli ŝatos morti."

Sur la pordo aŭdiĝis batado kaj eniris servisto en rapidego.

„Patro, policanoj estas sube", ekkriis li.

La pastro senkoloriĝis. Violetta ektimegis.

„Tie ĉi ekestas danĝere", diris Don Camillo, kiu sola restis trankvila. „Pri mia vizito oni scias. Estu trankvilaj, Donna Violetta, kaj vi, patro. Mi diros ke nur min oni punu."

„Patro, vi ne lasos tion okazi", ekkriis Violetta.

La pastro pripensadis iomete, tiam li trairis la ĉambron kaj malfermis pordon al malgranda ĉambro.

„Tie ĉi ankoraŭ estas espero", diris li, „restu en tiu ĉi ĉambro, Don Camillo, dum ni parolos kun tiuj ĉi homoj."

La junulo rapide eniris en la ĉambron. Baldaŭ eniris policano. Li rigardis ĉiun de ili, salutis kaj diris:

„Oni diris al mi, ke mi parolu kun la filino de Venecio Donna Violetta Tiepolo, kun Donna Florinda, kaj kun patro Anselmo."

„Ni ĉiuj estas ĉi tie", respondis Donna Violetta time, „mi estas Violetta Tiepolo, tiu junulino estas mia amikino Florinda, kaj tio estas patro Anselmo."

„Post la morto de via patro, sinjoro Gradenigo fariĝis via zorgopatro."

„Jes."

„Nun kiam via filino fariĝis malpli juna, la Senato volas pli multe zorgi pri ŝi."

„Tiam sinjoro Gradenigo ne plu estas mia zorgopatro? "

„Ne. Morgaŭ oni nomos aliajn."

„Ĉu mi devas forlasi tiujn kiujn mi amas? "

„La Senato decidos pri tio. Nun, antaŭ ol venos viaj novaj zorgopatroj, ne enlasu ĉi tien sinjoron Gradenigon."

„Ĉu mi eĉ ne dankos por lia zorgo? "

„La Senato dankos al li."

„Ĉu mi povas tiam skribi al li? "

„Pli bone ne."

Donna Florinda kaj Violetta ne volis deteni siajn sentojn. Ili falis unu al la alia en ĉirkaŭprenon kaj ekploris. La vizitulo turniĝis al la pastro kaj silente rigardis lin dum kelka tempo.

„Patro", diris li finfine, „ĉu mi povas peti vin veni kun mi? "

Kiam ili ekiris suben, la vizitulo diris:

„Mi deziras ke vi venu kun mi, por vidi iun kiu bezonas vian helpon. Mia gondolo atendas. Ĉu vi volas eniri? "

La pastro sciis ke li ne povas diri ne. Tial li postiris la homon ĝis lia ŝipeto. Baldaŭ poste la gondolo ekiris de la palaco.

## PARTO XV

La bela Venecio trankvile dormis. Ĉio estis mallaŭta. La maro estis bela kaj silenta. Oni aŭdis nek remilojn, nek kanton, nek ridon. Subite gondolo eliris el la mallumo de kanalo kaj ekmoviĝis al la maro. En ĝi estis unu homo kiu forte remis. De tempo al tempo li haltigis la remadon kaj rigardis ĉirkaŭ si. Subite li ekvidis malgrandan malhelan punkton sur la akvo nefore de sia ŝipeto. Li proksimiĝis al la punkteto, kiu estis ankaŭ ŝipeto. El ĝi venis muziko. La gondolisto haltigis la remadon kaj venis ankoraŭ pli proksimen.

„Vi jam laboras, Antonio", diris li mallaŭte. „Vin ne timigas la interparolo kun la Tri Graveguloj."

„Neniun mi timas, Jacopo, kiam mi estas sur la maro", respondis la maljunulo. „Rigardu la belan nokton. Ĝi kaj la maro faras min trankvila."

„Ĉu vi ĉiam iras fiŝi nokte?"

„Ne ĉiam. Sed en la lasta tempo mi tiel multe pripensis pri la knabo ke mi forgesis eĉ manĝi. Nun mi deziras preni iom da fiŝoj."

„Mi pensis pri vi, bona Antonio. Mi alportis iom da manĝajo por vi. Rigardu!"

La sentimulo donis manĝajojn al la maljunulo. Antonio rigardis ĝin, sed neniom pli.

„Prenu ĝin, Jacopo, se vi ŝatas min." diris li.

„Kial vi ne volas preni ion de amiko?", demandis Jacopo.

„Mi ne povas manĝi manĝajon por kiu vi mortigis."

La junulo fariĝis forte senkolora. Ekestis longa silento.

„Forprenu la manĝajon kaj forgesu miajn vortojn", daŭrigis la fiŝisto. „mi diris tion tial ke mi estas malĝoja pro vi."

Jacopo silentis.

„Ni fiŝistoj plej ofte iras dormi sen vespermanĝo", daŭrigis Antonio. „Forprenu tion, bona Jacopo, kaj ni parolu pri aliaj aferoj.

La sentimulo forprenis la manĝajon al la alia flanko kaj enpensiĝis.

„Ĉu vi nur pro tio venis ĉi tien, bona Jacopo?", demandis la maljunulo.

Ĉe tiu demando Jacopo ekstaris. Li ekrigardis al la urbo.

„Ĉu vi ne vidas ŝipeton tie?", demandis li.

„Ne, estas tro frue por miaj amikoj."

„Ĉu delonge vi estas tie ĉi, Antonio?"

„Ĉirkaŭ unu horon. Sur tiu ĉi loko estas multe da fiŝoj, sed hodiaŭ mi ankoraŭ nenion prenis. Nu la espero neniam forlasas min." Li pripensis iomete kaj tiam diris: „Vi bone konas tiujn elstarulojn sub maskoj, Jacopo. Ĉu vi kredas, ke ili aŭskultos la saĝon?"

„La senatanoj ne havas koron. Tion vi devas kompreni, Antonio."

„Viaj vortoj estas malfacilaj, Jacopo. Sed ankaŭ la senatanoj estas homoj, kaj ĉiuj homoj havas sentojn."

„Tiuj riĉaj gravuloj ne havas. Ili nenion scias pri doloroj. Iliajn infanojn oni ne forsendas en militojn. La vortoj, kiujn vi uzis kiam vi parolis al ili estis tro fortaj. Ili ne forgesos la malplaĉan veron, kiun vi diris al ili."

„Ĉu ili povas ekdeziri puni homon kiu volas rehavi sian infanon? "

Ili punos vin. Mi diras al vi, Antonio, vi ne estas sendanĝera en Venecio. Vidu, la ŝipeto venas al ni. Ho, tio ne plaĉas al mi."

„Tio ne estas fiŝistoj. Estas multe da remiloj kaj ĉambreto", diris Antonio.

„Tio estas gondolo de Sankta Marko! ", ekkriis Jacopo. Li prenis la remilojn. „Antonio, ni forremu! "

„Vi timas, mi komprenas vin. Sed ankoraŭ estas tempo por vi foriri antaŭ ol ili prenus vin.", diris la maljunulo.

„Rapide, eku kun mi, Antonio, mi estas certa -- mi konas tiun ŝipeton! "

„Malfeliĉa Jacopo! Vi timas renkonti ilin. Vi estis bona kun mi kaj mi ĉiam restos via amiko."

„Antonio," ekkriis Jacopo foriĝante, „mi ne povas plu resti tie ĉi kredu al mi. Ne estas tempo por atendi mi devas iri."

La fiŝisto mansalutis. Poste li ekrigardis al la nova gondolo. Ĝi rapide moviĝis helpe de ses fortaj remiloj. „Lasu ilin veni tien ĉi", diris la maljunulo al si mem, „tio donos al Jacopo pli da tempo. Mi estas certa ke la malfeliĉulo mortigis iun post kiam li forlasis la palacon. Nun ili volas puni lin pro tio. La junulo tro ŝatas la riĉaĵojn kaj liaj malbonaj faroj kolerigis la Senaton."

La gondolo alvenis ĝis la ŝipeto de Antonio. Unu homo transiris en la gondolon de la fiŝisto kaj la pli granda ŝipo moviĝis iom flanken. Antonio rigardis ĉion ĉi kun miro. Li rekonis la vestaĵon de pastro. La pastro mem miris kiam li vidis maljunulon antaŭ si.

„Kiu vi estas? ", demandis li.

„Antonio, fiŝisto."

„Maljunulo kiel vi kion vi faris por kolerigi la Senaton? "

„Mi estas bona homo kaj nenion malbonan mi faris. Ĉu vi nun venis por aŭdi miajn kulpojn, patro? "

„Tiel estas."

Antonio ekridetis.

„Patro, ĉu ili diris al vi, ke tie ĉi estas homo, kiun la Senato volas puni? ", demandis li.

„Jes."

„Estas tre mirige", daŭrigis Antonio, „ke la Senato lasis la junulon tiel longe libere moviĝi. Ili eĉ lasis lin veni al la doĝo. Kaj nun ili volas puni lin."

„Ĉu ne vi estas la homo kiun ili serĉas? ", ekkriis la pastro kun miro.

„Mia mano neniam mortigis. Tie ĉi estis unu homo kiu, mi malĝoje tion diras, ne povas la saman aferon diri pri si."

„Kaj kie estas li, do? "

„Li ne estas malproksime. Tamen, eĉ la plej rapida gondolo en Venecio ne povas ĝis li."

La pastro movis la kapon.

„Ĉu vi malĝojas, pastro, ĉar la homo forkuris? "

„Mi ĝojas, ĉar mi ne devas plenumi malplaĉan devon."

La pastro ekstaris.

„Ne rapidu, bona patro", diris Antonio. „La nokto estas bela kaj tiuj homoj dormas sur siaj remiloj. Lasu al la junulo pli da tempo por forkuri."

La pastro residiĝis.

„Ĉar vi ne povas aŭdi la kulpojn de sentimulo", daŭrigis Antonio, „aŭskultu min, mi petas vin."

Patro Anselmo pretigis sin por aŭskulti la kulpojn de la maljunulo.

Antonio rakontis sian rakonton. Li parolis pri siaj esperoj por la knabo, pri la ŝipkuro kaj pri sia peto al la doĝo.

Patro Anselmo aŭskultis lin kun ploro en la okuloj. Kiam li finis, la pastro faris manmovon por ke la gondolo alproksimiĝu. Kiam la gondolo estis apud ili, du policanoj eniris en la ŝipeton de Antonio. Ili helpis al patro Anselmo reveni al sia loko en la pli granda ŝipo.

„Ĉu vi aŭskultis la kulpojn de la homo? ", mallaŭte demandis unu el ili al la pastro.

„Estas malĝustajo", respondis patro Anselmo. „La sentimulo forkuris. Tiu ĉi maljunulo estas fiŝisto Antonio. Li faris nenion malbonan."

La policano malvarme ekridis kaj forsendis la pastron en la ĉambreton. Iom poste, patro Anselmo aŭdis ion en la akvo kaj la ŝipeto ekmoviĝis.

* * * *

Kiam la fiŝisto revenis al la suprajo de la akvo, la ŝipo estis jam malproksime.

„Jacopo! Jacopo! ", ekkriis Antonio.

La malforta krio de Antonio alvenis ĝis Jacopo. Li turnis sian ŝipeton kaj ekremis kiel eble plej rapide.

„Teniĝu, Antonio... mi alvenas! ", ekkriis li.

„Jacopo — ĉi tie — kara Jacopo — la knabo! — la knabo! "

Jacopo ekvidis manon super la suprajo de la akvo, kaj lia gondolo tuj troviĝis sur la sama loko. Sed nun li povis nenion vidi.

„Antonio! " ekkriis li malespere.

La maljunulo ne respondis. Jacopo ĉirkaŭrigardis al ĉiuj flankoj, sed

liaj okuloj vidis nur la trankvilan marakvon.

## PARTO XVI

Kiam la pastro denove eniris en la ĉambron de Donna Violetta, li estis blanka kiel la morto. Li trairis la ĉambron kaj faligis sin en sian seĝon. Subite aŭdiĝis Don Camillo; la junulo ankoraŭ estis tie. Don Camillo Kaj Donna Violetta vidis neniun ĉirkaŭ si. Ili estis feliĉaj, ĉar la unuan fojon ili estis kune. Kiam Donna Florinda vidis la maljunulon, ŝi ekkriis:

„Vi estas malsana! Kie vi estis tiel longe? "

La pastro nenion respondis. Liaj manoj tremis.

„Patro Anselmo! ", diris Donna Florinda. „Diru, kio okazas al vi."

„Mia koro estas malsana, Florinda," respondis li

„Kial vi lasis nin en tia momento? "

„Bezonis min Sankta Marko, Florinda", respondis la pastro.

„Mi komprenas vin, patro – vi aŭskultis la kulpojn de iu? "

„Jes, mi aŭskultis. Kaj mi ĉeestis la morton de homo, kiu estis multe pli bona ol tiuj kiuj mortigis lin. Kiel Venecio estas malbonega loko! "

„Kaj kiel malbonegaj estas viaj estroj, Violetta"; aldonis Don Camillo.

„Ĝuste vi diras", eksopiris patro Anselmo. „Tiaj estas la homoj en kies mano estas la vivo de mia lernantino."

Don Camillo ekrigardis tra la fenestro kaj fermis ĉiujn pordojn de la ĉambro. Tiam li revenis al siaj geamikoj kaj diris mallaŭte:

„Ni devas rapide foriri de tie ĉi. Ĉu vi povas kredi al viaj servistoj, Donna Florinda? "

„Malproksime de tio, sinjoro. Tie ĉi estas multaj homoj kiujn senatano Gradenigo venigis."

La junulo turniĝis al patro Anselmo.

„Ĉu ili scias ke mi estas tie ĉi? "

„Malfacile estas diri", respondis la pastro, „sed mi opinias ke neniu vidis nin. Ni uzis sekretan pordon. Nun, junulo, ĉu vi komprenis kiel vi elmetis vin al granda danĝero kiam vi decidiĝis? "

„Patro, mi faris tion nur ĉar mi amas Donna-n Violetta-n! Mi pli ŝatus morti ol ne plu vidi ŝin."

„Tio ĉi estas la lingvajo de junuloj kiuj ne plu havas kapon kiam ili enamiĝas. Ĉu vi komprenas ke vi ne estas sendanĝera en via palaco en Venecio? "

„Vere, patro, sed la lando de Sankta Marko ne estas la tuta mondo. Ni povas foriri de tie ĉi."

„La Senato havas longan manon kaj milon da sekretaj helpistoj."

„Neniu tion pli bone scias ol mi. Sed tamen, se ni sukcesos foriri el Venecio, ili ne trovos nin. Mi havas palacon en Kalabrio - tie ni estos tute sendanĝeraj."

„Kiel ni povos alveni ĝis via palaco? "

„La ŝipestro Stefano Milano estas amiko de mia gondolisto – tiu kiu estis tria en la hodiaŭa ŝipkuro. Mia Gino diras, ke tiu Stefano estas sur la kanalo pro iu laboro de Sankta Marko. La ŝipo estas preta ekiri ĉiun minuton."

„Kiel ni povas alveni sur la ŝipon – ili atentas ĉiun nian movon."

„Patro, sur ĉiuj kanaloj en ĉiu tempo oni povas trovi homojn kun maskoj."

„Mi timas", diris la pastro, „se ili prenos nin, ni ĉiuj mortos."

„Tute same, ni devas eluzi feliĉan tempon", diris la junulo. „Unu horo, eĉ duonhoro sufiĉas por ke mi diru al la ŝipestro, ke ni venas. Kaj tiam, antaŭ ol tagiĝos, ni povos diri adiaŭon al Venecio."

„Ho ne, filo, ne estas tiel facile kiel vi opinias forkuri de la polico. Aŭskultu atente! Mi aŭdas remilojn gondolo estas antaŭ la pordo de la palaco."

Donna Florinda rigardis tra la fenestro kaj tuj revenis kaj diris ke tio estas policano. Ĉiu minuto estis gravega. Don Camillo denove iris en la sekretan malgrandan ĉambron. Baldaŭ la pordo malfermiĝis kaj la policano eniris. Li salutis kaj rigardis tra la ĉambro.

„Elstara sinjorino", diris li, „la Senato decidis ke vi ne rajtas resti en la urbo. Tie ĉi estas tro varme. Pretigu vin por vojaĝo. Vi ekveturos antaŭ ol la suno eliros."

„Tio estas tro rapida, sinjoro. Mi bezonas pli da tempo por pretigi min. Kaj miaj servistoj bezonas eĉ ankoraŭ pli."

„La Senato decidis ke vi devas iri sola."

„Kiel, sinjoro? Ĉu mi devas iri sen miaj servistoj? "

„Vi ricevos novajn servistojn."

„Ĉu ili ne lasos ke ankaŭ Donna Florinda venu kun mi? "

„Ne, elstara sinjorino."

Donna Florinda laŭte ekkriis.

„Ĉu mi havos neniun servistinon? "

„Tre bona knabino plenumados tiun devon." La policano iris ĝis la pordo kaj diris:„Annina, Donna Violetta deziras vidi vin."

Eniris la filino de la vinvendisto. Donna Violetta mire rigardis ŝin.

La policano ankoraŭfoje rigardis tra la ĉambro, salutis kaj eliris. Fariĝis longdaŭra silento. Finfine Donna Violetta diris:

„Ĉu vi antaŭe estis servistino, Annina? ", demandis ŝi.

„Jes, sed neniam mi servis tiel belan sinjorinon."

„Nun iru, Annina, kaj diru al miaj aliaj servistoj ke ili ĉion pretigu por vojaĝo."

La knabino faris kiel Donna Violetta diris al ŝi. Tuj kiam ŝi fermis la pordon, Don Camillo eniris en la ĉambron. Dum kelka tempo ĉiuj restis silentaj. Ĉiuj rigardis unu la alian.

„Kion ni faru? " finfine demandis la junulo.

„Se vi povas eldanĝerigi nin, ni estas pretaj iri kun vi", respondis la pastro.

„Jes, Don Camillo", diris Donna Florinda, „ni ĉiuj ekiros kun vi al via palaco aŭ al la malliberejo de Sankta Marko."

„Camillo, ni atendas viajn vortojn", diris laŭte Donna Violetta.

La junulo ekkuregis al la tablo kaj surskribis kelkajn vortojn sur papero. Tiam li metis moneron en la paperon kaj ekrigardis tra la fenestro. Post mallonga tempo aŭdiĝis remiloj – sub la fenestro estis gondolo. Don Camillo tra la fenestro ellasis la paeron en la ŝipeton. La gondolisto eĉ ne altigis la okulojn al la fenestro. Post kelkaj minutoj la gondolo ne plu estis videbla.

„Gino ricevis ĝin", diris Don Camillo. „Post unu horo li alvenos al la granda ŝipo. Kaj nun ni pripensu kiel ni povas forlasi la palacon! "

La pastro pripensis iomete kaj post tiam diris al Camillo:

„Antaŭ ol ni foriru", diris li, „mi geedzigu vin."

Don Camillo ekrigardis la junulinon. Ŝia vizaĝo estis tre blanka. Sed ŝi kapjesis kaj ekridetis.

La pastro pretigis sin por komenci la geedzigon, kiam aŭdiĝis batetoj sur la pordo kaj eniris Annina.

La pastro ne sciis kion fari. Sed Don Camillo diris:

„Lasu tiun ĉi knabinon resti kaj rigardi la geedziĝon."

La geedziĝo rapide finiĝis. Sed Don Camillo kaj Violetta ne havis multe da tempo por pensi pri sia feliĉo. Denove aŭdiĝis remiloj. Kiam la junulo rigardis tra la fenestro, li vidis gondolon kun ses remiloj kaj ĉambreto.

„Ni ne havas tro da tempo", diris li. „Ekiru, plej kara Violetta, Donna Florinda, patro, eku! "

La pastro montris la vojon el la ĉambro. Donna Florinda kaj Violetta postiris lin. Don Camillo prenis Anninan per la mano kaj diris al ŝi, ke ŝi venu kun ili. Ili trapasis multajn ĉambrojn, sed neniun ili renkontis. Kiam ili eniris en grandan ejon, ili troviĝis inter aro da servistoj.

„Lokon! ", ekkriis Don Camillo, „Donna Violetta volas promeni."

La gondolo staris ĉe la palaco. Don Camillo ekĝojis kiam li vidis ke ĉiuj gondolistoj portas armilojn. La pastro kaj la sinjorinoj eniris en la ŝipeton. Annina volis postiri ilin, sed Don Camillo ekhaltigis ŝin.

„Vi restu tie ĉi", li diris mallaŭte.

En la sama minuto li sentis fortajn manojn kiuj tenas lin de malantaŭe. Annina ekkuris apud li kaj ensaltis en la ŝipeton. Ili forfrapis Don Camillon. La remiloj eniris en la akvon kaj la gondolo foriĝis.

„Gino! Kion vi faras? Haltu! Haltu! ", ekkriis Don Camillo. Sed la ŝipo rapide iris kaj baldaŭ ne plu estis videbla. La malfeliĉa junulo ne komprenis kiam li denove aŭdis remilojn. Granda gondolo eliris el la mallumo. Ĝi estis tute la sama kiel la unua ŝipo.

Don Camillo dismalfermis la okulojn.

„Gino! ", ekkriis li.

„Sinjoro! ", respondis la gondolisto.

Don Camillo ensaltis en la ŝipeton kaj ekrigardis en la ŝipĉambreton. Ĝi estis malplena.

„Gino, ĉu vi povas kredi al viaj amikoj? ", demandis Don Camillo.

„Mi povas, sinjoro."

„Kaj ĉu vi transdonis la papereton al mia homo? "

„Jes, sinjoro."

„Li perfidis nin! ", ekkriis la junulo malespere. „Tiru forte, homoj. Estas afero pri vivo aŭ morto, rapide! "

Don Camillo eniris en la ŝipĉambreton kaj enpensiĝis.

„Min perfidis la homo kiun mi petis pretigi la forkuron", diris li al si mem. „Estas klare ke Violetta estas ankoraŭfoje en la manoj de la Senato. Mi estas certa ke ili ne rekonos ke ni geedziĝis. Kaj ili povas liberigi sin de la homoj kiuj vidis la geedziĝon. Pri mia peto, mi povas esti certa ke la Senato eĉ ne parolos pri ĝi. Mi ne opinias, ke ili malliberigos min, sed tamen mi ne volas fali nun en la manojn de la polico.

## PARTO XVII

Don Camillo eliris el la ŝipĉambreto kaj li donis signon al la homoj ke ili ne plu remu.

„Gino, venigu la unuan gondoliston kiun vi konas", diris li. „Mi volas starigi al li kelkajn demandojn."

Kvankam estis tre malfrue, sur la kanaloj estis multe da ŝipetoj. Post kelkaj minutoj Gino haltigis unu homon.

„Ĉu vi vidis gondolon kun ses remiloj kiu iom pli frue pasis tra tiu ĉi parto de la kanalo? ", demandis Don Camillo.

„Nur vian ŝipon, sinjoro, kiu estas la plej rapida kiun mi iam vidis."

„Mian ŝipon, vi diras? Kiam ĝi pasis? "

„Antaŭ kelkaj minutoj, sinjoro, kaj ĝi iris kvazaŭ ĝi estus dum ŝipkuro."

„Kien ĝi foriris? "

„Tien ĉi, sinjoro." La gondolisto montris al la ŝiphaltejo.

Baldaŭ la gondolo de Don Camillo daŭrigis sian vojon inter la aliaj ŝipetoj. Subite Gino ekvidis grandan gondolon. Minuton aŭ du poste, la ŝipeto de Don Camillo troviĝis flanke de ankoraŭ unu. Li tuj vidis, ke tio estas ĝuste la ŝipo, kiun li serĉis.

„Ekiru kun mi, homoj! ", ekkriis la junulo kaj li pretigis sin salti en la alian gondolon.

„Ĉu vi volas militi kontraŭ Sankta Marko? " ekkriis iu el tiu boato. „Atentu, sinjoro! Ĉe la plej malgranda signo dudek ŝipoj venos helpi al ni."

„Malbonuloj! ", ekkriis li. „Redonu al mi la junulinon! "

„Tie ĉi estas neniu krom mi kaj gondolisto."

Don Camillo rigardis en la ŝipĉambreton de la alia boato kaj vidis ke la homo diras la veron. Li donis signon al siaj homoj ke ili daŭrigu.

„Ili foririgis mian edzinon per unu de tiuj ĉi ŝipetoj", diris li.

Gino mire ekkriis:

„Mi ne sciis, sinjoro, ke vi havas edzinon", diris li.

„Jes, mi havas. Ĉu vi ankoraŭ scias pri la junulino, kiun mi eltiris el la maro? "

„Ho jes, sinjoro. Vi tiam estis pli rapida ol fiŝo! "

„Do, Gino, tiu junulino, Violetta Tiepolo, nun estas mia edzino. La Senato forprenis ŝin de mi. Nun mi devas retrovi ŝin, kaj poste ni ĉiuj foriros al mia palaco en Kalabrio kie ni estos tute sendanĝeraj."

„Sinjoro, ne forgesu ke en Venecio ankaŭ la ŝtonoj aŭdas.", mallaŭte diris Gino.

Don Camillo daŭrigis pli mallaŭte.

„Mi elŝipiĝos ĉi tie, Gino", diris li kaj li montris malgrandan terparton meze de la maro, „kaj por vi mi havas laboron. Ĉu vi konas la ŝipestron de Bella Sorrentina? "

„Mi konas tiun homon pli bone ol min mem, sinjoro."

„Tuj iru al li kaj certiĝu ke li estas en la ŝiphaltejo. Mi volas ke li helpu al ni. Mi atendas vin tie ĉi."

Don Camillo elsaltis el la ŝipeto. Baldaŭ lia gondolo ne plu estis videbla kaj li restis sola. La loko estis tre malluma. Don Camillo promenis tien-reen, plene en siaj pensoj. Subite iu homo ekstaris antaŭ li.

„Estas malgaja loko por via promenado, homo", diris Don Camillo. „Ĉu vi ne estas Battista, la gondolisto? "

„Mi ne estas Battista, Don Camillo", respondis la aliulo.

„Ha! Vi konas min, sed kiu vi estas? "

La homo turniĝis kaj la luno iom lumigis lian vizaĝon.

„Jacopo! ", ekkriis Don Camillo kun ektimo. Post minuto, lia glavo troviĝis en lia mano. „Ne alproksimiĝu! Klarigu, kiel vi venis ĉi tien."

La sentimulo malgaje ridetis.

„Mi ankaŭ miras ĉar mi renkontas vin en tiu senhoma loko, sinjoro."

„Estu atenta! Se iu en Venecio sendis vin por mortigi min, tion vi ne faros tiel facile."

„La glavon vi ne bezonas, Don Camillo. Mi ne povis scii, ke vi venos tien ĉi. Kiam ni lastfoje renkontiĝis, vi pli kredis al mi."

„Estas vero, Jacopo", diris Don Camillo. „Neniu sciis ke mi estas tie ĉi. Sed kion vi faras tie ĉi? "

„Mi forkuris iom de la urbo al la maro. Mi malamas vian urbon! "

„Tio estas mirigaj vortoj por..."

„ ... unu sentimulo – ne timu uzi tiun vorton, sinjoro. Sed eĉ unu sentimulo estas pli bona ol la riĉaj senatanoj de tiu urbo! "

„Mi komprenas vin, Jacopo", ekdiris Don Camillo. „Eĉ la senatanoj ne plu volas havi ion kun tiel malbona homo kiel vi."

„Don Camillo, antaŭ mallonga tempo vi persone petis min, ke mi helpu al vi."

„Vere. Kaj pro vi mi ne plu havas mian edzinon! "

Don Camillo denove prenis sian glavon kaj tenis ĝin ĉe la vizaĝo de Jacopo.

La alia homo ekridis.

„Mi volis ke vi estu la estro de miaj homoj pretaj helpi al mi forkuri kun mia juna edzino el Venecio", daŭrigis Don Camillo.

„Ĝuste tiel, sinjoro."

„Sed vi ne volis."

„Ĝuste."

„Kaj pli ol tion. Nun mi estas certa ke vi vendis la sekreton al la Senato! Ili sendis alian gondolon kiu tute similas al la mia. Mia edzino estas for. Kial vi ne respondas, Jacopo? "

„Kion mi povas diri, sinjoro? Mi ne perfidis vin. Mi servis al la Senato – tial mi ne povis servi al vi."

„Sed mi diris mian sekreton nur al kelkaj miaj servistoj."

„Ĉiuj servistoj en via palaco laboras por la Senato. Eĉ viaj gondolistoj ricevas monon por priatenti vin kaj unu la alian. Nur Gino estas bona homo."

„Ĉu tio povas esti vera? "

„Malfeliĉe, tiel estas."

„Kaj ankaŭ vi servas al la Senato, Jacopo? "

„Mi ne povis fari alie, sinjoro. Sed de tiu ĉi nokto mi ne plu servos al ili. Mi vidis ion, kio devigis min repripensi pri mia propra vivo."

Don Camillo alproksimiĝis.

„Malfeliĉa Jacopo", diris li mallaŭte, „viaj malbonaj faroj maltrankviligas vian koron. Vi pli bone fartos, se vi ĉion diros al mi."

„Dankon, elstara sinjoro", diris Jacopo kun tremeto, „neniu scias kiel

karaj al mi estas viaj bonaj vortoj -- al homo kiun ĉiuj malamas. La nura homo kiu montris intereson por mi foriris..."

„Sed li revenos, Jacopo."

„Sinjoro, li neniam revenos. Oni mortigis lin."

„Via mano? "

„La polico." Jacopo haltis kaj poste daŭrigis.

„Tion mi ne plu povas elteni. La polico povas nun en ĉiu minuto mortigi min. Kaj ĉiuj homoj kun malamo pensos pri mi. Sinjoro, mi devas paroli aŭ morti! "

„Parolu, Jacopo! "

Kaj la sentimulo komencis rakonti sian vivon. Nun, ni ne sciigos al vi kiu legas, la sekretojn kiujn li diris al Don Camillo. Sufiĉas diri, ke Don Camillo aŭskultis kun granda intereso. Kiam Jacopo finis, fariĝis longa silento.

„Tio estas timiga", finfine ekkriis Don Camillo. „Vi estis fiŝo en ilia reto. Kion vi nun faros? "

„Mi volas forlasi la urbon."

Don Camillo eksilentis. Tiam li diris:

„Mi havas palacon en Kalabrio kaj ankaŭ mi deziras forlasi la urbon. Ĉu vi volas iri al mia palaco kiel servisto? "

La sentimulo ŝajnis tre feliĉa.

„Mi faros ĉion eblan, por ke vi retrovu vian edzinon.", diris li.

„Tiam vi devas scii ĉion kio okazis", al tio diris Don Camillo, kaj li rakontis al sia nova amiko, kion li volis fari por trovi Donna-n Violetta-n.

## PARTO XVIII

La morgaŭan tagon en Venecio estis ĉio kiel antaŭe. Iuj estis ĝojaj, aliaj malĝojaj, iuj havis laboron, aliaj ne. La vivo daŭris kiel ĉiam.

Servistoj staris apud la pordo de la palaco de Donna Violetta. Neniu el ili sciis kie estas la juna sinjorino. La palaco de sinjoro Gradenigo ŝajnis malluma kiel ĉiam. La Bella Sorrentina ankoraŭ troviĝis en la ŝiphaltejo. Sur la maro estis centoj da fiŝistaj ŝipetoj, kaj vojaĝuloj alvenadis kaj forlasadis Venecion.

Kiam la suno subiris, la gondoloj de la gravuloj komencis promenadi sur la akvo. Nun ne estis tiel varme kaj en la doĝa palaco komencis ariĝi senatanoj kaj riĉaj homoj. Inter tiuj ĉi venis ankaŭ Don Camillo. Li estis trankvila kiel ĉiam. Kvankam li estis certa, ke la Senato konas liajn planojn, li volis montri ke li ne timas. Li moviĝis tra la hommulto kaj parolis kun aliaj homoj, sed multajn fojojn li sentis ke oni sekrete atentas lin.

Komencis vesperiĝi kiam iu gondolo malrapide alvenis al la palaco de la doĝo. La gondolisto eliris. Li estis sub masko. Li ekrigardis ĉirkaŭ si kaj tra sekreta pordo eniris en la domegon.

La gondolisto sub masko baldaŭ revenis al sia boato. Li bezonis unu minuton por trairi la kanalon, elŝipiĝi kaj eniri tra la pordo de la malliberejo. Ŝajnis ke en la domaro de la malliberejo estis iu kiu malfermis al li ĉiujn pordojn. La homo rapide alvenis ĝis la bordo de dometo kiu ŝajnis familia loĝejo. Li ekfrapis.

„Kiu estas? ", demandis virino.

"Amiko", respondis la homo.

"Diru kiu vi estas aŭ foriru."

"Estas mi. Malfermu la pordon, Gelsomina."

La pordo tuj malfermiĝis.

"Mi ne rekonis vin, Carlo." - diris la junulino.

La gondolisto ekrigardis ĉirkaŭ si por certiĝi ke ili estas solaj, kaj tiam li deprenis la maskon.

"Ĉu estas io nova? demandis li.

"Estas bone ke vi ne venis antaŭ kelkaj minutoj," respondis ŝi. "Mi havis viziton."

"Kiu estis? "

"Filino de mia onklo, Annina. Vi neniam vidis ŝin. Ŝi tre malofte venas tien ĉi."

"Ĉu vi havas ankoraŭ ion por diri al mi? "

"Annina povas reveni ĉiun minuton."

"Do, ĉu ŝi ankoraŭ estas tie ĉi? " demandis la homo. "Vi scias ke ŝi ne rajtas vidi min."

"Ne timu. Kiam ŝi venos, ni aŭdos ŝin. Ŝi estas supre ĉe mia malsana patrino. Kiam ŝi venos , vi povos iri en la apudan ĉambron, kiel vi ĉiam faras."

"Mi povas atendi."

"Pst! Ŝi venas. Iru en la alian ĉambron."

La homo eniris en la apudan ĉambron. En la sama tempo Gelsomina malfermis la alian pordon kaj enlasis la vizitulinon. Tuj kiam ŝi ekparolis, la homo rekonis ke tio estas la filino de la vinvendisto.

"Via patrino fartas pli bone, Gelsomina, "diris Annina kaj ŝi sidiĝis. "Kial vi hieraŭ ne venis al la placo? "

"Mi ne povis lasi ŝin ĉi tie tute sola."

"Se vi vidus kiel la edziĝo de la doĝo kun la maro kaj la ŝipkurado estis belegaj..."

"Rakontu al mi pri la ŝipkurado "

"Ho, Venecio neniam vidis tiel mirigan ŝipkuron! Sed la plej interesa afero estas ke la unua alvenis malriĉa fiŝisto. Estis maljunulo en la plej malri-

ĉaj vestajoj kaj ankaŭ lia ŝipeto ŝajnis tre malriĉa."

„Tiam la aliaj gondolistoj estis malfortaj."

„La plej bonaj el Venecio. Inter ili estis iu homo kun masko. Oni diras, ke tio estis Jacopo. Ĉu vi aŭdis pri li? "

„Mi aŭdis pri tiu sentimulo. Ĉu li montriĝis en tia tago inter la gravuloj? "

„Jes."

„Miriga estas nia lando! Tiu homo moviĝas inter la aliaj kaj neniu ion diras al li."

„Vere! Unufoje mi vidis lin, kiam li atendis iun proksime de la doĝejo."

„Eble li konas iujn timigajn sekretojn kaj ili timas ke li rakontos ilin."

„Estas danĝere scii ian ajn sekreton tie ĉi! En tiu ĉi mateno mi vidis kiam oni elfiŝis el la akvo junan mortan elstarulon. Tiuj kiuj estis proksime, diris ke li havis signon de la mano de la sentimulo."

Gelsomina blankiĝis.

„Tiu sentimulo estas vere timiga homo! ", diris ŝi kun tremo.

„Vere! Sed mi sidas tie ĉi kaj paroladas kun vi, dum en mia hejmo ili bezonas min. Donu al mi la pakajeton, infano, kiun mi lasis ĉe vi dum mia lasta vizito."

„Prenu ĝin", respondis Gelsomina kiam ŝi eltiris la pakajeton el tirkesto. „Mi volis sendi ĝin al vi."

„Gelsomina, se vi amas min, neniam faru ion tian. Se mia frato vidus tiun ĉi pakajeton, tio havigus al mi grandan malfeliĉon. Ĝis, kara Annina. Mi esperas, ke fine via patro lasos vin viziti nin."

„Ĝis, Annina. Vi scias ke mi ŝatus veni, sed mi ne povas lasi mian malsanan patrinon."

Annina mansalutis kaj forlasis la ĉambron.

„Carlo", ekkriis Gelsomina, „vi povas eliri."

La homo eliris. Li estis pli blanka ol antaŭe.

„Mi vidas ke Annina malinteresis vin pro sia nehaltigebla parolado", ekridis Gelsomina.

„Ĉu tiu junulino estas anino de via familio? "

„Jes, niaj patrinoj estas fratinoj."

„Kaj ŝi ofte venas tien ĉi? "

„Ne tiel ofte."

„Kaj vi ankaŭ vizitis ŝin? "

„Neniam. Mia patro ne volas."

„Kaj tiu pakajeto? Ĉu ĝi longe restis ĉe vi? "

„Unu monaton. Annina forlasis ĝin kiam ŝi lastfoje vizitis min. Sed

kial tiuj demandoj? Vi ne amas mian familion. Ŝi estas parolema sed ŝi havas bonan koron. Vi aŭdis kiel ŝi parolis pri tiu timiga sentimulo Jacopo, kaj pri liaj malbonaj faroj? "

„Jes "

„Timiga homo, ĉu ne? Ĉu mi iru kun vi ĝis la malliberejа ĉambro? "

„Ek! "

La junulino turniĝis kaj prenis la ŝlosilon.

„Tio estas la ŝlosilo, Carlo", diris ŝi. „Kaj mi nun estas tie ĉi sola."

La homo provis rideti. Post unu minuto ili forlasis la ĉambron.

## PARTO XIX

Ni ne provos priskribi ĉiujn mallumajn ejojn tra kiuj la filino de la gardisto irigis sian amikon. Finfine Gelsomina eniris en malaltan pasejon.

„Ĉu vi vidas ke ni iras alivoje en la malliberejan ĉambron? "

„Jes, mi vidas. Sed kial? "

„Vi bone konas la palacon kaj la malliberejon. Tiam ekrigardu tra la fenestro."

Li malrapide aliris al la fenestro kaj li vidis sube malgrandan malluman kanalon.

„Gelsomina", ekkriis li, „tio ĉi estas la Ponto de sopiroj! "

„Jes, Carlo. Ĉu vi iam antaŭe trapasis ĝin? "

„Nur kelkaj homoj transiras tiun ĉi ponton", diris ŝi malgaje, „kaj denove revenis en la mondon."

„Sed kial vi venis tien ĉi? " rediris li sian demandon.

„Venas la varma tempo de la jaro, Carlo", respondis ŝi mallaŭte, „kaj la malliberuloj forlasis la malsuprajn ejojn."

La homo blankiĝis.

„Mi komprenas", diris li.

Gelsomina malĝoje ekrigardis lin. Tiam ŝi sopiregis kaj ekmoviĝis plu- en.

Por helpi vin, kiu legas, kompreni la vortojn de Gelsomina, ni devas klarigi tion: la malliberejo en Venecio havis siajn ĉambrojn por la varma kaj por la malvarma tempoj de la jaro. Kiam estis malvarme, la malliberuloj estis sub la kanalo, kiam estis varme, ege varme, senpere sub la domsupro

La homo iris post Gelsomina tra unu ŝtuparo, tiam tra alia; ili malfermadis kaj fermadis multajn pordojn kaj trapasis kelkajn malaltajn pasejojn. Finfine ili ekhaltis antaŭ unu pordo kaj Gelsomina elprenis la ŝlosilon.

„Ili diris al mi ke ili ne metos lin en tiun ĉi ejon! ", ekkriis la junulo.

„Sed ili forgesas kion ili diris! "

„Carlo! Ne forgesu ke tio ĉi estas la palaco de la doĝo! ", mallaŭte diris la junulino kaj ŝi rigardis ĉirkaŭ si.

„Mi neniam forgesas! Ĉio estas en mia koro."

„Malfeliĉa Carlo! Tio ĉi ne povas ĉiam daŭri venos la fino."

„Ĝuste vi diras", respondis ŝia amiko mallaŭte, „la fino estas pli proksima ol vi opinias. Nun turnu la ŝlosilon kaj ni eniru."

Gelsomina malfermis la pordon kaj ili eniris.

„Patro! ", ekkriis Carlo kaj li ĵetis sin antaŭ homon kiu kuŝis sur la planko. La maljunulo ekstaris. Lia vizaĝo lumiĝis.

„Jacopo! ", diris li.

„Mi vidas ke vi pli bone fartas tie ĉi ol en la malvarma ejo sube", daŭrigis la junulo.

„Tie ĉi mi estas feliĉa", diris la malliberulo. „Post tiel longa nokto mi povas rigardi la sunon."

„Estas pli bone al li, Gelsomina! Estas videble sur lia vizaĝo kaj liaj okuloj! "

„Ili estas ĉiam tiaj post la malvarmaj monatoj en la subaj ejoj", mallaŭte diris la junulino.

„Ĉu vi havas novaĵojn por mi, knabo? Kion via patrino petis ke vi diru al mi? "

Jacopo – vi, kiu legas, certe komprenis ke tio estas li blankiĝis. Li sentiĝis ege malfeliĉa pro tiu demando, kiun li nun aŭdis la centan fojon.

„Ŝi bone fartas, patro, sed ŝi estas malfeliĉa ĉar ŝi ne estas kun vi."

„Ĉu ŝi ofte parolas pri mi? "

„La lasta vorto kiun mi aŭdis de ŝi estis via nomo."

„Kaj via fratino? Nenion vi diris pri ŝi, filo."

„Ankaŭ ŝi fartas bone, patro."

„Vi ĉiam amis vian fratinon, knabeto. Mi scias, ke via koro estas bona. En mia malfeliĉo mi havas feliĉon kun miaj gefiloj."

Okazis longa silento dum kiu la maljunulo ŝajnis pripensi pri la tagoj kiuj forpasis. Tiam li ekrigardis sian filon kaj daŭrigis:

„Estas malmulte da espero ke via fratino edziniĝos. Kiu volas edziĝi kun la filino de malliberulo? "

„Ŝi ne deziras edziniĝi. Ŝi estas feliĉa kun mia patrino."

„Ĉu vi havas iajn esperojn por mi? ", demandis la maljunulo. „Ĉu ili ankoraŭ ĉiam diras ke ili lasos min denove rigardi la sunon? "

„Ili diras."

„Longan tempon mi vivis en espero..."

Jacopo ne respondis. Liaj okuloj pleniĝis de ploroj.

„Mi esperas ke la doĝo pensos pri sia maljuna servisto kaj malfermos mian malliberejan pordon", daŭrigis la maljunulo.

Jacopo silentis. Li metis iom da manĝajo apud la kuŝejon kaj pretigis sin por foriri.

„Diru al via patrino ke mi ĉiam pensas pri ŝi. Kaj kisu vian fratinon."

La junulo kisis la manon de la patro kaj elkuris el la malliberejа ĉambro. Gelsomina postiris lin. Ili silentis ĝis ili alvenis al la Ponto de sopiroj.

„Vere ŝajnas al vi ke li aliiĝis? ", demandis ŝi finfine.

„Multe."

„Sed vi diris al li ke estas espero."

„Kion alian mi povus diri? Lia fino estas proksima."

Fariĝis longa silento. Finfine Gelsomina diris:

„Carlo, via patro hodiaŭ eldiris vorton, kiu timigis min."

La sentimulo ĵetis rapidan rigardon al la junulino.

„Li nomis vin Jacopo", daŭrigis Gelsomina.

„La gepatroj rajtas nomi siajn gefilojn kiel ili volas", ekkriis la sentimulo kolere. „Mi estas laca pro viaj demandoj, Gelsomina. Mi devas lasi vin."

„Jes, vi havas vian laboron kaj vi ne rajtas forgesi ĝin", respondis la junulino. „Ĉu vi bone perlaboras per via gondolo? "

„Neniam mi havas monon", ekridis li malgaje.

„Mi havas malmulte, kiel vi scias, Carlo", diris Gelsomina. „Mia patro ne estas riĉa."

„Pli bone esti ŝlosilgardisto ol tiuj kiuj sendis homojn en malliberejon. Li estas bona homo."

„Do, vi ne timos edziĝi kun la filino de malliberejgardisto? "

„Malsaĝa junulineto! Mi amas vin pli ol iun filinon de senatano. Vi estas centfoje pli bona ol ĉiuj tiuj. Sed, Gelsomina. Vesperiĝas kaj mi devas forlasi vin."

Kun granda sopiro la junulino turniĝis al la pordo kaj malfermis ĝin al li.

## PARTO XX

Jacopo promenis tra la homplenaj stratoj. Kiam li trapasis la malsupran ponton de la Kanalo de Sankta Marko, li ekhaltis iomete por ĵeti rigardon al la malliberejo. Tiam li pluiris kun la hommulto. Kiam li trapsis la placon de Broglio, li renkontis Don Camillo-n Monforte-n, kiu nevideble faris signon al la junulo kaj foriris pluen.

Centoj da ŝipetoj kuŝis ĉe la fino de la placo. Inter ili Jacopo trovis sian gondolon kaj saltis en ĝin. Baldaŭ poste li remis al la maro. Post kelka tempo la ŝipeto alvenis ĝis La Bella Sorrentina. Jacopo supreniris kaj salutis la ŝipestron.

„Ĉu vi havas ion por diri al mi, bona Roderigo? ", demandis la ŝipestro. „Vi vidas ke ni laboris la tutan tempon, kvankam hieraŭ estis tago por ĝojiĝi."

„Pretigu vin por ekveturi post unu horo."

„Sed oni diris al mi, ke mi devas ekmoviĝi nur ĉi-nokte."

La sentimulo faris rapidan movon de miro, kiun la alia ne atentis.

„Estas ĝuste, Stefano", diris li. „Sed tamen estu pretaj por ekiri ĉiun minuton."

„Ĉu vi volas rigardi la malsuprajn ĉambrojn, sinjoro Roderigo? " diris la ŝipestro mallaŭte. „La Bella Sorrentina ne estas Bukentaue, sed pli belaj ĉambroj ne troviĝas eĉ en la Doĝa palaco. Mi estas certa ke ili plaĉos al la sinjorino kiu vojaĝos per mia ŝipo."

„Ankaŭ mi. Mi scias ke la Senato povas kredi al vi."

„Sed tamen ili tre malmulte diris al mi pri ĉi tio. Mi nur scias ke la juna sinjorino pri kiu la Senato tiom interesiĝas forlasos la urbon ĉi-nokte. Ĉu vi povas diri al mi, sinjoro, kiu iras kun ŝi? "

„Vi ekscios tion kiam por tio venos la tempo. Kaj nun aŭskultu min kaj ne parolu. Sankta Marko ne ŝatas tiujn kiuj multe parolas. Do, mi ĝojas ĉar vi pretas ekiri kaj mi deziras al vi feliĉan nokton. Kaj nun, antaŭ ol mi foriros, mi volus scii kiam la vento komencos veni de la tero."

„Ĉirkaŭ noktomezo."

„Bone. Adiaŭ."

La gondolo komencis malproksimiĝi de la ŝipo. Jacopo remis per la tuta forto.

„La senatanoj estas saĝaj, sed mi estas pli saĝa ol ili.", pensis li. „Mi ekscius por Don Camillo kiel kaj kiam ili pretas forveturigi Donna-n Violetta-n. Ĉar mi montris certan intereson por Antonio, la Senato ne plu kredas al mi. Sed Stefano konas min kiel ilian homon, ĉar ili multfoje antaŭe sendis min al li pro iuj aferoj."

Kiam li alvenis al la tero, Jacopo rapidis reen al la placo de Broglio. Sur la placo kiel ĉiam, estis multaj homoj sub maskoj. Li trabatis al si la vojon tra la aro. Subite, iu tuŝis lian manon. Li turniĝis kaj ekvidis homon kies vizaĝo estis sub granda surtuto. La homo faris al li signon ke li ekiru kun li. Kiam ili alvenis al senhoma loko, la homo haltis. Tiam li rigardis la sentimulon de la kapo ĝis la piedoj.

„Do, kial vi silentas? " ekkriis la homo. „Ĉu vi ne volas paroli kun via servisto? "

„Kion vi deziras? "
„ Ili sendis min al la palaco por trovi vin."
„Kiel vi scias ke mi estas tiu kiun vi serĉas? "
„Sinjoro, estas multe da signoj kiujn saĝa homo povas vidi."
„Vi estas saĝa homo, Hosea. Sed, kion vi deziras? Ĉu vi petos la monon kiun mi devas doni al vi tie ĉi meze de la placo? "
„Ho ne, sinjoro Mi deziras al vi diri unu gravan aferon. Baldaŭ vi povas ne plu vidi la sinjorinon kiun vi amas. La Senato decidis ke ne plu via patro zorgu pri Donna Violetta."
Jacopo mire retiriĝis.
„Estu trankvila, sinjoro,", daŭrigis Hosea, „ili deziras malproksimigi ŝin el la urbo."
„Kien? ", demandis Jacopo.
„Tion ni devas ekscii, sinjoro. Eĉ via patro tion ne scias."
„Do, vi timas ke mi ne ricevos Donna-n Violetta-n kaj ŝian monon, kaj vi restos sen la oro kiun mi devas doni al vi."
„Neniel, sinjoro Giacomo. Mi scias ke via patro estas sufiĉe riĉa por pagi al mi. Sed tamen, kial vi ne havu riĉan sinjorinon? "
„Kiam ili volas forveturigi ŝin el la urbo? "
„Ĉi-nokte, sinjoro."
„Sufiĉe mi prizorgos pri miaj propraj interesoj, kaj ankaŭ pri la viaj."
Jacopo faris mansignon kaj foriris trans la placo. La maljunulo turniĝis kaj malrapide ekiris al la palaco de sinjoro Gradenigo.
„Hosea", mallaŭte diris iu, „unu vorton al vi inter kvar okuloj."
La maljunulo retiriĝis.
„Kion vi volas? ", demandis li.
„„Vi havas monon por pruntedoni, ĉu ne? "
„Kiom vi bezonas? "
„Milon."
„Unue vi montru al mi vian vizaĝon."
„Mi scias ke vi pruntedonas monon al la maskoj."
„Venu morgaŭ. Mi prizorgos pri tio."
„Nun mi bezonas."
„Sed mi ne havas tiom ĉe mi. Nun mi provos demandi miajn amikojn."
„Ne, mi ne povas atendi. Adiaŭ, Hosea. Mi devas demandi ankoraŭ iun."
„Atendu, sinjoro. Ĉu vi devas tiom rapidi? Ŝajnas al mi ke mi havas milon. Mi povas pruntedoni al vi, sed unue montru vian vizaĝon."

„Dankon, Hosea", diris tiu alia. Li por mallonga tempo deprenis la maskon kaj tuj denove metis ĝin. Hosea malfermeĝis la okulojn. Li rekonis la homon -- estis tio Giacomo Gradenigo.

„Kia malsaĝulo mi estis.", pripensis li. „Montriĝas ke mi parolis kun alia homo pri Donna Violetta. Eble li servas en la polico. Kaj nun mi diris al la juna Gradenigo, ke mi pruntedonos al li monon kaj jam multe mi pruntedonis al li."

„Mi esperas ke la vizaĝo de via malnova amiko ne devigas vin aliigi la opinion, Hosea? ", ekridis la junulo.

„Ne, ne, vi ricevos la monon, sinjoro."

Baldaŭ poste la du homoj forlasis la placon.

## PARTO XXI

Estis vespero. Ŝipo alvenis tra la Granda Kanalo. Ĝia moviĝo estis malrapida kaj la gondolisto ne rapidis. Ĝi haltis apud la vendejo de la vinvendisto. Tie ĉi unu de la gondolistoj eliris el la ŝipo kaj malforte batis sur la fenestron.

„Kiu estas? ", demandis ino.

„Mi estas", respondis la gondolisto. „Malfermu la pordon, Annina. Mi havas gravan laboron."

„Vi venis en malĝusta momento, Gino", diris la filino de la vinvendisto. „Mi pretigas min por iri promeni."

„Vi promenas tra la stratoj sola en tiu ĉi tempo, Annina! "

„Kian rajton vi havas por starigi tian demandon? ", diris la junulino kolere. „Feliĉe mi ankoraŭ ne estas via edzino! "

„Estu pli bona kontraŭ mi, Annina", diris Gino. Li eksidis.

„Lasu min trankvila! ", ekkriis ŝi. „Hodiaŭ mi ne havas tempon por vi."

„Vi rapidas? "

„Nun aŭdu kion mi diros al vi, Gino. Tio ĉi estas la lastaj vortoj kiujn vi aŭdos de mi. Vi servas nobelon, kiun oni baldaŭ elurbigos. Ĉiuj liaj servistoj foriros kun li. Sed mi deziras resti tie ĉi! "

„Se ni ne geedziĝos", respondis li trankvile, „kial ni ne parolu pri vendado de vino. Mi alvenigis tra la mallumaj kanaloj gondolon kun la plej bona vino."

„Hodiaŭ vespere mi havas malmulte da tempo por vi kaj por via vino, Gino", respondis la junulino.

„Se miaj amikoj vendos la vinon al via malamiko, la maljuna Beppo,

via patro tion tre malŝatos", diris Gino.

Annina, kiu neniam forgesis la aferojn, dum mallonga tempo ne sciis kion fari. Tiam ŝi diris:

„Sed tio estas via lasta vizito al mia domo, Gino! "

„Kiel vi volas. Fermu la pordon kaj ni kune eliru."

Post mallonga tempo ŝi aliĝis al Gino kaj ili foriris al la boato.

Kiam Annina malfermis la pordon de la ŝipĉambreto, ŝi troviĝis vizaĝo kontraŭ vizaĝo kun Don Camillo Monforte.

„Kion vi deziras, sinjoro? ", demandis ŝi kun tremeto.

„Bonvenon", ekridis li. „Ni ne disiĝos tiel facile kiel antaŭe."

„Mi ĝojas aĉeti vion de juna gravulo". diris ŝi.

„La afero ne estas tiel ĝojiga, kiel fine vi vidos". respondis Don Camillo. „Vi devas ĉion diri al mi."

„Kion povas diri al vi filino de vinvendisto? "

„La veron. Parolu."

„Sinjoro, mi scias ke vi devas koleri al la Senato pro tio kion ili faris."

„Sufiĉe pri tio. Parolu."

„Tre malmulte mi scias, sinjoro."

„Parolu Annina, aŭ mi devigos vin paroli."

Annina jetis rigardon al la akvo kaj ŝi vidis ke ili estas sur la malproksima maro. Subite ŝi komprenis ke ŝi estas en la povo de Don Camillo.

„Sinjoro, ili scias pri tio ke vi volas foriri el la urbo kun Donna Violetta."

„Tion mi scias."

„Sed mi ne povas diri al vi kial ili prenis ĝuste min kiel servistinon de la juna sinjorino."

„Kie vi lasis mian edzinon? "

„Ĉu vi opinias ke la Senato rekonos vian geedziĝon? "

„Respondu al mia demando. Kie ili forlasis mian edzinon? "

„Sinjoro, min oni lasis sur la unua ponto sub kiu pasis la gondolo."

„Vi ne diras la veron. Vi estis kun Donna Violetta longe dum la tago. Vespere vi vizitis la malliberejon de Sankta Marko."

Annina miris.

„Do, sinjoro, vi scias pli multe ol ili pensas! "

„Nun, kie vi disiĝis de Donna Violetta? "

„Ili enfermis sinjorinon Tiepolon en la malliberejo de Sankta Marko."

„Denove malvero, Annina", diris Don Camillo trankvile. „Vi estis en la malliberejo por preni pakajeton de Gelsomina, la filino de la gardisto."

„Ho! ", ekkriis la junulino. Ŝi miris ankoraŭ pli multe.

„Nun vi vidas ke mi scias kiam vi ne diras la veron."

Subite aŭdiĝis remiloj. Don Camillo ekrigardis kaj li vidis centon da ŝipetoj kiuj moviĝas el la urbo. Milo da voĉoj parolis unuvoĉe.

„Kio estas tio, Gino? ", demandis li.

„Tio estas fiŝistoj, sinjoro", respondis la gondolisto. „Ŝajnas ke ili ribelas kontraŭ la doĝo. Ili estas koleraj ĉar li ne volis lasi el la militistaro la knabon de ilia amiko."

Kiam la ŝipetoj venis pli proksime, unu el la fiŝistoj alparolis Don Camillon.

„Kiu vi estas? ", li kriis. „Se vi estas ordinara homo aliĝu al viaj amikoj. Ni iras al Sankta Marko por peti juston."

„Kio okazis, amikoj? ", demandis la juna homo.

„Vidu! "

Don Camillo turniĝis kaj li vidis la mortan Antonion.

„Ni trovis lin en la akvo", diris unu el la fiŝistoj.

„Justecon! Justecon! ", ekkriis kelkaj voĉoj. „Justecon en la palacon kaj panon sur la placon! "

„Mirigaj aferoj okazis en Venecio."

„Ili mortigis lin sur la sama loko kie ni ĉiam fiŝadas! "

„Justecon! Justecon! ", kriis la fiŝistoj.

„Antaŭen al Sankta Marko. Metu la korpon antaŭ la piedojn de la doĝo. Li kulpas pri lia morto! "

Kun tiuj-ĉi ekkrioj la koleraj fiŝistoj remadis al la urbo, dum la gondolo de Don Camillo moviĝis al la maro.

## PARTO XXII

La senatanoj aŭskultis kun granda timo la kriegon de la fiŝistoj. Ili kunvenis en la Doĝa palaco, por interparoli kiel forigi la danĝeron.

La fiŝistaj gondoloj moviĝis al la palaco de Sankta Marko. Kiam ili eniris malgrandan kanalon, ili iris pli malrapide. Kiam la ŝipetoj alvenis ĝis Ponto Rialto, parto de la fiŝistoj elŝipiĝis kaj ekiris tra la strato al la palaco. La alia parto daŭrigis la vojon ŝipe.

Tiam granda gondolo eniris en la Grandan Kanalon ĝuste antaŭ la ŝipetoj de la fiŝistoj.

„Polica gondolo! ", ekkriis la fiŝistoj.

Ĉirkaŭ dudek ŝipoj iris post la gondolo. La policaj gondolistoj tuj ekvidis la danĝeron. Ili devojiĝis aliflanken, elsaltis kaj enkuris en flankan straton. La fiŝistoj ĝoje ekkriis. Ili kunigis la polican gondolon al unu de siaj ŝipetoj. Kelkaj fiŝistoj eniris en la ŝipĉambron de la granda gondolo kaj eltiris de tie pastron.

„Kiu vi estas? ", demandis ili.

„Pastro."

„Ĉu vi servas al Sankta Marko? "

„Mi estas tie ĉi por servi al juna elstara sinjorino."

„Venu en nian ŝipon. Unu homo estas morta kaj ni bezonas vian servon."

„Mi ne povas lasi la sinjorinon."

„Ne estas danĝero por la sinjorino. Ekiru."

Patro Anselmo - vi kiu legas certe jam pensis ke estas li - eniris en la ĉambreton, diris kelkajn vortojn al la sinjorinoj kiuj tremis kaj ekiris kun la fiŝistoj en ilian boaton.

„Vi vidis tiun mortan korpon, patro? ", demandis fiŝisto. „Tio estas la korpo de iu kiu estis bona homo."

„Tia li estis."

„Ni ĉiuj konis lin kiel la plej maljunan kaj la plej bonan fiŝiston. Li ĉiam estis preta helpi al siaj amikoj."

„Mi kredas al vi."

„Hieraŭ li estis la unua en la ŝipkuro."

„Mi aŭdis pri tio."

„Sed la Senato volis seniĝi de li ĉar li petis ke ili lasu lian infanon el la militistaro. Tial ili mortigis lin."

„Malfeliĉa homo! "

„Nun faru vian devon por nia morta amiko."

La pastro komencis preĝi. La fiŝistoj silente staris ĉirkaŭ li. Oni aŭdis nur la remilojn kiuj faladis kaj altiĝadis. Kiam la ŝipoj pasis, malfermiĝadis la fenestroj kaj miloj da vizaĝoj rigardis.

Finfine la ŝipetoj eniris en la ŝiphaltejon kaj haltis fine de la placo. Multaj homoj helpis porti la korpon de Antonio sur la teron. Tiam aŭdiĝis krio el la eno de la Doĝa palaco. Estis klare ke la alia parto de la aro jam eniris en la palacon. Tiun tagon la Placo de Sankta Marko ne estis kiel ĉiam. Ne estis ĝojaj aroj da homoj, sed nur koleregaj homoj.

„Justecon! ", ekkriis milo da voĉoj kiam ili enportis la korpon de Antonio en la korton de la palaco.

La korto estis homplena. Ili starigis la mortan korpon apud la Ŝtuparon de Grandeguloj. La gardisto supre de la ŝtuparo kun timo rigardis la fiŝistojn.

En la palaco la Tri Graveguloj ankoraŭ ĉiam priparoladis la aferon.

„Ĉu la militistoj scias pri tiu ĉi moviĝo? ", demandis unu el la tri. „Verŝajne ni bezonos ilin."

„Estus pli bone se ni finus tion sen ili, sinjoro", respondis la senatano Gradenigo. „Mi ne estas certa ĉu ni povas kredi al ili. Mi timas ke ili estas pretaj helpi al tiuj fiŝistoj."

„Tamen ni devas ion fari. Ni venigu la doĝon. Li devas eliri antaŭ la homojn."

Ĝuste tiam montriĝis la doĝo sur la supro de la Ŝtuparo de Grandeguloj.

„Kial vi venis tien ĉi, infanoj miaj? ", demandis li.

Dum mallonga tempo ekestis silento, kaj tiam unu voĉo ekkriis:

„Justecon! "

La doĝo ŝajnis kolera, sed antaŭ ol li povis ion respondi unu el la Tri Graveguloj aliris lin kaj mallaŭte diris al li:

„Provu ne kolerigi ilin. La militistoj ankoraŭ ne estas pretaj veni ĉi tien helpi al ni."

La doĝo rapide ekrigardis lin kaj denove turniĝis al la aro sube de si.

„Kio zorgigas vin, karaj miaj homoj? "

„Ni petas vin, rigardu tion ĉi! "

Fiŝisto turnis la korpon de Antonio, tiel ke la doĝo povis vidi la vizaĝon de la morta homo.

La doĝo malrapide malsupreniris la ŝtuparon kaj haltis proksime de la korpo. La gardistoj de la palaco estis malantaŭ li.

„Ĉu tio estas la fiŝisto kiu petis min ke mi redonu al li la knabon? "

„Estas li! ", respondis voĉo el la aro. „Kaj li estis tre bona homo kaj amiko."

„La malfeliĉa homo akcidente mortis", diris unu el la Tri Graveguloj.

„Vi eraras, elstara senatano", ekkriis la fiŝisto. „Sankta Marko mortigis Antonion."

„Vi ne rajtas kredi ĉiujn malbonajn aferojn kiujn oni rakontas pri Sankta Marko", daŭrigis la senatano. „Ĉu estas sur lia korpo postsignoj de mortigo? "

„Ne, sufiĉis jeti lin en la maron. Tia maljunulo ne povas iri malproksime en la akvo.

Apud la doĝo staris iu juna elstarulo. Kiam li vidis ke la maljuna senatano ne scias kion diri, li komencis paroli.

„Mi aŭdis pri tiu ĉi Antonio", diris li. „Li estis la unua en la ŝipkuro. Ĉu ne antaŭ Jacopo, la sentimulo? "

En la aro aŭdiĝis mallaŭta parolo.

„Jacopo uzas glavon", diris finfine voĉo.

„Ne ĉiam. Ĉi-foje li opiniis ke estas plej bone ekpuŝi sian malamikon en la maron. Ĉu ne, sinjoro? "

La alia kapjesis.

„Jacopo! Jacopo! ", rediris voĉoj en la aro. „Jacopo tion faris! La plej bonan gondoliston en Venecio superis maljuna fiŝisto, kaj tial tiu mortigis lin! "

„Ni zorgos pri tiu afero, infanoj miaj", diris la doĝo kaj li turniĝis kaj ekiris. „La maljuna fiŝisto ricevos enterigon kiel bona homo."

Baldaŭ la aro da fiŝistoj forlasis la korton de la palaco. La korpon de

Antonio oni forportis en la plej proksiman preĝejon.

## PARTO XXIII

La fiŝistoj tute forgesis la polican gondolon. Donna Violetta kaj ŝia amikino aŭdis la kriojn de la aro. Poste ĉio silentiĝis.

„Ili foriris! ", mallaŭte diris Donna Florinda, kiam ŝi ekrigardis tra la fenestro de la ŝipĉambreto.

„Jes, ili foriris", rediris Violetta, kiu ankaŭ rigardis tra la fenestro. „Kaj la polico tuj estas tie ĉi por gardi nin. Ni ekiru."

Post unu minuto la junulinoj estis sur la tero. La placo estis senhoma. Subite aliris ilin knabo.

„La pastro petis min ke mi donu al vi tion ĉi", diris la knabo. Li metis papereton en la manon de Donna Florinda kaj tuj forkuris. La junulino tralegis:

„Forkuru, vi ne rajtas perdi eĉ unu minuton."

„Kion ni faru? ", ekkriis Florinda malespere.

„Venu kun mi", diris Donna Violetta.

„Iru ni en vian palacon, infano mia", diris Donna Florinda. „Eĉ la Senato ne povos esti malbona kun la senhelpaj virinoj."

„Iru se vi deziras, sed mi ne volas. Mi ne plu estas filino de la Senato. Mi estas edzino de Don Camillo."

Donna Violetta iris en la strato. Ŝi restis en la mallumo apud la domoj por esti malpli ekvidebla. La alia junulino postiris ŝin. Subite ili vidis kelkajn militistojn sur la alia flanko de la palaco. Ili ektimis. Ili turniĝis kaj ekbatis sur la unuan pordon kiun ili vidis. La pordo malfermiĝis kaj ili vidis junulinon.

„Tie ĉi vi estos sendanĝeraj, elstaraj sinjorinoj", diris ŝi.

„En kies palacon mi eniris? ", ekdemandis Violetta. „Mi esperas ke ĝia estro amike sintenos al la filino de Tiepolo."

„Vi estas bonvena, sinjorino", respondis la junulino kun granda saluto ĝis la tero.

„Ĉu vi servadas elstaran sinjoron? ", demandis Violetta.

„La unuan en Venecio, sinjorino."

„Diru lian nomon."

„Sankta Marko."

Donna Violetta kaj ŝia amikino blankiĝis.

„Do, ĉu tio estas la doĝapalaco? ", demandis Donna Violetta.

„Ne, sinjorino. La kanalo troviĝas inter vi kaj la Doĝa palaco. Kaj tio ĉi estas malliberejo, kaj vi parolas kun la filino de la gardisto."

„Ni estas tre dankemaj al vi ĉar vi helpis al ni en tiu danĝera tempo",

diris Donna Florinda. „Kiel vi nomiĝas, infano? "

„Gelsomina", respondis la junulino.

Ŝi enigis ilin en la ĉambron kaj diris:

„Tie ĉi vi estas same sendanĝeraj kiel en viaj palacoj, elstaraj sinjorinoj. Tien ĉi venadas neniu krom mia patro kaj mi, kaj mia patro havas multe da laboro."

„Ĉu vi havas neniun serviston? "

„Ne, sinjorino. La filino de gardisto tre bone povas sin mem servi."

„Tio estas feliĉo por vi. Nun, bona Gelsomina, neniu rajtas vidi nin tie ĉi. Ni sufiĉe malhelpas vin en via laboro kaj ni devas pagi al vi. Bonvolu preni oron", diris Donna Florinda.

Gelsomina ne respondis. Ŝi nur ruĝiĝis kaj ekrigardis aliflanken.

Donna Florinda reprenis la monon kaj metis en la sian la manon de la junulino.

„Ho, mi malĝojas", diris ŝi.

„Ni estas malriĉaj, sinjorino", diris al tio Gelsomina, „sed mi ne volas preni monon nur ĉar mi helpis al vi."

Rapide post tio la junulino eliris kaj lasis siajn vizitulinojn solaj.

„Tia junulino, kaj ŝi vivas en malliberejo! ", ekkriis Violetta. „Ni povas kredi al ŝi, ŝi estas bona amikino."

Kiam Gelsomina revenis, Violetta prenis ŝin je la mano kaj demandis:

„Ĉu vi havas patron, Gelsomina? "

„Jes, mi havas", respondis la junulino.

„Kaj patrinon? "

„Jam longe ŝi estas malsana, sinjorino."

„Gelsomina, vi estas pli feliĉa ol mi. Mi havas nek patron, nek patrinon, nek amikojn. Vi havas pli da libereco en via malliberejo ol tiuj kiuj vivas en palacoj. Mi kredas al vi, kara amikino. Vi ne povas perfidi nin."

Gelsomina pripensadis iomete. Tiam ŝi diris:

„Malmulte da homoj venas tien ĉi, sed tamen ni devas esti atentaj. Venu, elstaraj sinjorinoj. Tie ĉi estas tute sendanĝera loko."

La filino de la gardisto enirigis ilin en la malgrandan ĉambron kie ŝi ordinare parolis kun Jacopo. Tuj post kiam ili eniris en tiun ĉambreton, Violetta rakontis al Gelsomina sian rakonton. La junulino blankiĝis kaj ektremis.

„Estas tre danĝere agi kontraŭ la Senato", diris ŝi. „Ĉu vi pripensis tion? "

„Jes, mi pripensis. Mi estas la edzino de Don Camillo kaj neniam mi povos edziniĝi kun alia."

„Estas vero! ", diris Gelsomina. „La Senato estas timiga, sed devas esti ankoraŭ pli malbone perfidi tiun kiun oni amas."

„Kiam ĉio estos trankvila, ĉu vi povos iel helpi al ni forkuri? ", demandis Florinda.

„Sinjorino, mi malofte iras for de la ĉambro de mia patrino. Mi dezirus ekkoni la stratojn kaj la palacojn de Venecio samtiel kiel mia familianino Annina. Mi sendos iun al ŝi kaj ŝi diros al ni kion fari."

„Via familianino. Ĉu Annina, filino de la vinvendisto? "

„Jes. Ŝi estas filino de la fratino de mia patrino."

„Kaj ĉu ŝi ofte venas tien ĉi? "

„Tre malofte, ni ne estas grandaj amikinoj. Sed tamen, ŝi povus esti preta helpi al ni kiam ni estas en tia danĝero."

„Gelsomina, via Annina laboras por la polico."

Gelsomina ne respondis. Ŝi estis tre maltrankvila.

„Mi ne parolas sen kialoj. Kredu al mi.", diris Donna Violetta.

„Ni devas iel eksciigi al Don Camillo ke ni estas tie ĉi", diris Donna Florinda.

„Mi trovos Don Camillon", diris Gelsomina.

„Venecio estas tro saĝa por vi, infano mia", diris Donna Violetta.

„Eble mi estas pli saĝa ol vi opinias."

Iom da tempo ili parolis. Poste Florinda skribis leteron por Don Camillo. Post kelkaj minutoj la filino de la gardisto estis preta. Ŝi portis sian ĉiutagan vestaĵon sed surmetis maskon.

La du sinjorinoj priskribis al ŝi la junan gravulon kaj ŝi tuj eliris.

## PARTO XXIV

Gelsomina trairis la Ponton de sopiroj kaj eniris en la palacon. Tie ŝi ekiris al pordo kiu malfermiĝis al la Ŝtuparo de Grandeguloj. La gardisto ekrigardis ŝin kun intereso sed ne estis lia devo haltigi tiujn kiuj eliradis el la domego. Nenion li diris al ŝi, kaj Gelsomina daŭrigis. Post kelka tempo ŝi haltis kaj turniĝis ĉirkaŭ si.

„Ĉu estas danĝere forlasi la palacon? ", demandis ŝi la gardiston.

„Estis danĝere antaŭ unu horo", respondis li, „nun ĉio estas trankvila."

Rapide Gelsomina transiris la placon kaj ŝi venis ĝis la kanalo. Kiam ŝi rigardis ĉirkaŭen, ŝi vidis gondoliston kiu malrapide venis el la Granda Kanalo. Doni al li signon kaj ensalti en la ŝipeton estis la afero de unu minuto. Kiam la junulino eksidis en la ĉambreto, ŝi rimarkis ke la gondolisto estas sub masko.

„Ĉu vi konas la palacon de Don Camillo Monforte? ", demandis ŝi la homon.

„Ĉu mi veturigu vin tien, sinjorino? "

„Se vi estas certa ke vi konas la palacon."

La gondolo iris inter la altaj palacoj. Baldaŭ poste ili haltis antaŭ la pordo de bela palaco. La gondolisto elsaltis kaj donis la manon al la junulino por helpi al ŝi. Gelsomina diris al li ke li atendu kaj ŝi eniris.

En la pasejo estis multaj servistoj, sed neniu aliris la junulinon.

„Ĉu mi estas en la palaco de Don Camillo Monforte? ", demandis Gelsomina unu el la servistoj.

„Jes, vi estas, sinjorino."

„Ĉu via estro estas en la palaco? "

„Sinjorino, kaj jes - kaj ne. Kio estas via nomo? "

„Se li ne estas hejme, vi povas nenion diri al li. Se estas, mi deziras vidi lin."

La servistoj arigis la kapojn kaj interparolis. Tiam juna homo eniris. Li plaĉis al Gelsomina kaj ŝi decidis paroli kun li.

„Ĉu vi servas al Don Camillo? ", demandis ŝi.

„Per la remiloj, kara sinjorino", respondis la homo.

„Ĉu vi volas diri al li ke unu sinjorino deziras paroli kun li? "

„Mia estro estas en tia farto ke estus pli bone nun ne paroli kun li."

Tiam la pordo malfermiĝis kaj eniris la gondolisto de Gelsomina. Li estis sub masko. Li tiris la junulon flanken kaj mallaŭte diris al li:

„Lasu ŝin supreniri, Gino."

La junulo rapide ekrigardis lin kaj faris signon al Gelsomina ke ŝi venu. Ŝi postiris lin tra multaj ĉambroj kaj finfine ili haltis antaŭ unu pordo. Gino malŝlosis ĝin kaj enirigis la junulinon en la ĉambron.

„Mia estro tie ĉi parolas kun siaj vizituloj", diris li, „eniru ĝis mi kuros diri al li pri vi."

La pordo fermiĝis. Kun sopiro Gelsomina turniĝis kaj ekvidis alian junulinon kiu ankaŭ estis en la ĉambro.

„Annina! ", ekkriis la filino de la malliberejа gardisto.

„Gelsomina! ", diris la alia. „Mi malĝojas ke vi min trovis tie kie vi esperis renkonti Don Camillon -- ĉar vi certe ne venis en lian palacon por renkonti min! "

„Amikemo al alia venigis min tien ĉi."

„Amikemo al Don Camillo? "

„Al elstara sinjorino - lia juna kaj bela edzino."

„Kiajn aferojn havas la elstara sinjorino kun junulino el malliberejo? "

„Vi scias, estis ribelo kaj la fiŝistoj liberigis la sinjorinon kaj ŝian amikinon -- kaj tiam la militistoj ekiris al la palaco - la du sinjorinoj ne sciis kien iri kaj ili petis min ke ili restu en la malliberejа domo."

„Ili ne diris al vi la veron! ", ekkriis la filino de la vinvendisto. „Ili havas kialon timi la militistojn. Florinda ricevis de Don Camillo vinon de sur liaj kalabriaj montoj. Ŝi provis vendi al mi vinon sen la scio de la Senato."

„Ĉu tio povas esti vero, Annina? "

„La plej vera vero. Mi diris tion al la polico. Oni forprenis la vinon kaj la sinjorinoj devis forkuri. Ili certe volas foriri el la urbo kun Don Camillo."

„Sed kial vi estas ĉi tie, Annina?"

„Vi scias, Gino, la gondolisto de Don Camillo jam delonge petis min edziniĝi kun li. Ankaŭ lia estro koleris al mi, ĉar mi ne volis aĉeti la vinon de Florinda. Tiam Gino diris al li ke li malliberigu min."

„Sed tie estas ankaŭ Donna Violetta, Annina!"

„Ho jes! Ŝi estas same malbona! Baldaŭ vi ekscios kia ino ŝi estas!"

„Ŝi parolis pri vi, Annina."

La filino de la vinvendisto jetis rapidan ekrigardon al sia familianino.

„Ili malbone parolis pri mi, kompreneble?"

„Ili ne estas viaj amikinoj, Annina."

„Eble ili diris al vi, infano, ke mi estas en la servo de la Senato?"

„Vere, tion ili diris."

„Mi ne miras. Tiaj homoj opinias ke ili estas bonaj, ke neniu krom ili povas esti bona."

La pordo malfermiĝis kaj Don Camillo eniris. Gelsomina ekstaris kaj iris renkonte al li. Li malvarme rigardis ŝin.

„Vi volis vidi min?", diris li.

„Mi deziris tion, elstara sinjoro, sed Annina..."

„Ŝi devigis vin ŝanĝi la opinion?"

„Jes, sinjoro."

„Tiam foriru kiel vi venis. Sed haltu momenton. Ĉu vi konas Anninan?"

„Ŝi estas la filino de fratino de mia patrino."

„Tiam ŝajnas ke vi similas al Annina. Iru kune. Mi deziras paroli nek kun vi nek kun ŝi. Sed mi ekscios ĉion kion vi faros. Tial estus pli bone ke vi silentu."

Annina prenis sian familianinon per la mano kaj rapidis el la ĉambro. Ili ensaltis en la gondolon kaj post minuto la ŝipeto foriĝis de la palaco. Gelsomina tute forgesis ke ŝi estas sen masko kaj ŝi forlasis la ŝipĉambreton. Subite la gondolisto ekprenis ŝin per la mano. Ŝi turniĝis kaj li malrapide deprenis sian maskon.

„Carlo!", ekkriis ŝi ĝoje.

Ŝi estis feliĉa ke ŝi en tia tempo troviĝis kun sia plej bona amiko. La gondolisto ne demandis kien iri. La ŝipo ekiris kontraŭ la ŝiphaltejon.

„Carlo!", rediris ŝi.

„Gelsomina?"

„Vi starigis al mi neniun demandon!"

„Mi scias ke via familianino estas tre malbona junulino. Ni ne povas kredi al ŝi. Tial mi ne povas forgesi ke vi ne estas sola. Venos la tempo kiam vi

ekscios la veron."

„Ĉu vi ne rekonis min, Carlo, kiam mi venigis vin de sur la ponto? "

„Ne, mi ne rekonis vin. Mi ĝojis iun veturigi per mia ŝipeto."

„Kial vi diris ke Annina estas malbona junulino? "

„Ĉar en Venecio neniu alia junulino povus pli facile perfidi vin."

La junulino ne sciis kion pensi. Tamen ŝi rakontis al li la rakonton de Annina.

Jacopo silentis dum mallonga tempo. „Ĉion mi komprenas.", li diris. „Eĉ ne unu nura vorto de la rakonto kiun ŝi rakontis al vi estas vera."

Jacopo parolis trankvile kaj decide. Tial Gelsomina ekkredis al li, kvankam ŝi ankoraŭ miris.

## PARTO XXV

Jacopo timis ke Annina povus fari signon al unu el la milo da sekretaj policanoj kiuj ĉiam estis sur la kanaloj. Tial li decidis fermi ŝin en tute certa loko. La gondolo preterpasadis palacon post palaco. Finfine ili alvenis al la ŝiphaltejo. La filino de la vinvendisto forlasis la ŝipĉambreton kaj aliris al la gondolisto.

„Rapide elirigu min ĉe la Doĝa palaco", diris ŝi malvarme.

„Jes, sinjorino. Sed aŭskultu, ĉu vi ne deziras vidi vinon en tiu ŝipo tie? "

„Ĉu vi pensas pri La Sorrentina? "

„Jes. Gia ŝipestro alportadas la plej bonan vinon. Kial vi ne aĉetus de li? "

„Mi vidas ke vi konas min."

„Kiu ne konas la belan vinvendistinon? "

Post kelkaj minutoj la gondolo alvenis al la ŝipo. Jacopo helpis Aninan supreniri sur ĝin kaj elsaltis post ŝi. Tiam li irigis ŝin en ĉambreton.

Stefano Milano dormis sur la ŝipplanko. Jacopo vekis lin.

„Pardonu sinjoro", diris la maristo, „ĉu vi venigis iun? "

„Mi venigis al vi Anninan, filinon de la vinvendisto."

„Kaj ĉu la Senato volas sekrete forsendi ŝin el la urbo? "

„Jes. Nun estas tempo ke vi forlasu la ŝiphaltejon."

„Por tio mi bezonas kvin minutojn."

„Atendu min tie sur la malproksima maro. Tre rapide ni estos kune. Zorgu pri via malliberulino."

Jacopo revenis en sian gondolon kaj veturigis Gelsominan al la malliberejo.

Post duonhoro la junulino estis en la ĉambro kie atendis la du sinjori-

noj.

„Rapidu, elstaraj sinjorinoj, ni ne rajtas perdi eĉ unu minuton", ekkriis ŝi.

„Ĉu vi vidis Don Camillon? ", demandis Florinda.

„Ne. Nun ne starigu al mi demandojn sed ekiru."

Ili forlasis nevideble la malliberejon, transiris la Ponton de sopiroj kaj malsupreniris la Ŝtuparon de la Grandeguloj. Post malpli ol minuto la du sinjorinoj eniris en la ĉambreton de la gondolo de Jacopo. Gelsomina dum mallonga tempo rigardis la ŝipeton kaj poste reiris en la malliberejan domon.

Kiam Jacopo alvenis al la ŝipo, li diris al la ŝipestro:

„Atendu min ankoraŭ, Stefano. Se mi ne venos post unu horo, forveturu al la ŝiphaltejo de Ancona, kie vi ricevos pluajn sciigojn."

La gondolo de Jacopo ekiris al la tero. Proksimiĝis la horo kiam li devis renkontiĝi kun Don Camillo sur la granda placo. Kaj ĝuste kiam li alvenis al la loko kie li atendis trovi la junan gravulon, servisto metis papereton en lian manon kaj forkuris. Klare, Jacopo ne scipovis legi. Tial li diris al la unua homo kiun li renkontis ke li tralegu la papereton. Sur ĝi tiu legis:

„Oni petis min iri ien kaj mi ne povas renkontiĝi kun vi, Jacopo."

Kiam li tralegis la nomon Jacopo, la homo ellasis la papereton kaj forkuris.

La sentimulo malrapide reiradis al la ŝipeto kiam iu haltigis lin.

„Ĉu vi estas Jacopo Frontoni? ", diris la homo.

„Jes."

„Mi bezonas vin."

„Mi estas preta helpi vin."

„Tie ĉi vi trovos centon da ormoneroj."

„Kies vivon vi deziras aĉeti per tiu ĉi oro? "

„Tiun de Don Camillo Monforte."

„Mi devas scii vian nomon, sinjoro."

La homo deprenis sian maskon. Jacopo vidis la vizaĝon de Giacomo Gradenigo.

„Kiam mi devas fari tion? ", demandis la sentimulo.

„Tuj."

„Ĉu mi mortigus lin en lia palaco? "

„Ne. Mi diros al vi kie vi trovos lin. Ĉu vi volas fari al mi la servon? "

„Jes."

„Tiam remu ĝis la insulo kie la malriĉuloj enterigas siajn mortulojn. Tie vi trovos Don Camillon. Venigis lin tien papereto kiun mi skribis. Mi deziras mem edziĝi kun la junulino. Mi povas mem uzi ŝian monon, ha, ha, ha! "

Por la sentimulo ne estis malfacile trovi Don Camillon sur la insuleto.

„Ĉu ili sendis vin por renkontiĝi kun mi? ", demandis la juna gravulo kaj li eltiris sian glavon."

„Sinjoro, estas mi", respondis la sentimulo kaj li deprenis sian maskon.

„Jacopo! Estas pli bone ol mi esperis! Ĉu vi havas novajojn pri mia edzino? "

„Ekiru, Don Camillo, kaj rapide vi estos kun ŝi."

Unu horon poste Don Camillo estis kun sia edzino. Nun ne estas malfacile pruvi al Stefano Milano ke li ne plu devas servi la Senaton. Don Camillo diris al li ke li ricevos laboron por li. Jacopo resaltis en sian gondolon. La ŝipo foriris.

„Iru al Ancona, sinjoro Don Camillo", konsilis Jacopo, „kaj vi, Stefano, provu ne renkonti ŝipojn de la Senato."

„Sed vi, mia bona Jacopo, kio okazos se vi falos en iliajn manojn? "

„Ne timu por mi, sinjoro. La feliĉo servos min. Mi tamen ne povas forlasi Venecion. Mi estas feliĉa ĉar mi helpis ke kuniĝu du junaj koroj. Mi deziras al vi feliĉon. Povus okazi ke mi renkontos vin du en via palaco."

„Ĉiam vi estas bonvena, kara Jacopo."

Jacopo faris mansignon al la sinjorinoj kaj ekmoviĝis. La ŝipo malproksimiĝis sur la akvo kaj la sentimulo malrapide remis al la urbo.

## PARTO XXVI

La morgaŭan tagon matene Jacopo denove estis en la malliberejа domo kun Gelsomina. Iom da tempo ili parolis pri la okazaĵoj de la antaŭa tago.

„Kaj ĉu vi opinias ke sur la maro ili renkontos neniun ŝipon de Sankta Marko? ", demandis la junulino.

„La grandaj ŝipoj estas malpli rapidaj ol la ŝipo sur kiu ili estas", respondis Jacopo, „la vento estas forta kaj post kelkaj horoj ili estos en Ancona. Ni ekiru al mia patro."

Post kelkaj minutoj ili jam estis ĉe la malliberulo.

„Patro", diris Jacopo.

La malliberulo turniĝis kaj sur lia vizaĝo montriĝis rideto.

„Kaj via patrino, junulo? ", demandis li.

„Ŝi estas feliĉa, patro, feliĉa."

„Kaj via bona fratino? "

„Ankaŭ ŝi estas feliĉa, patro. Ili du fartas bone kaj atendas vin."

„La Senato, junulo? "

„Ĉiam la sama: ĝi estas malbonega."

„La elstaraj senatanoj eraras se ili opinias ke mi prenis tiun monon. Iun tagon ili vidos sian eraron kaj liberigos min."

Jacopo mallaŭte diris ion apud la kapo de sia patro.

La maljunulo ekrigardis sian filon kaj kapjesis. Estiĝis mallonga silento kaj tiam la malliberulo diris:

„Vi ne povas kredi kiel varme estas ĉi tie kiam estas forta suno. La senatanoj neniam pensas kiel estas malfacile al ni pasigi la varman tempon sub la domsupro."

„Ili pri nenio pensas ĉar ilia povo estas tiel granda", diris Jacopo, „sed, patro, ĉu mi povas fari ion por vi? "

„Iom malfermu la pordon, filo! "

La sentimulo ekkuregis al la pordo kaj malfermis ĝin. Kiam li revenis al sia patro, la maljunulo demandis:

„Ĉu ni ne estas en la varma monato aŭgusto, filo? "

„Patro, ankoraŭ ne estas junio."

„Tiam la plej varma jartempo estas antaŭ ni, mi havos tre malplaĉajn tagojn."

„Ne", ekkriis Jacopo. „Ekstaru, patro, kaj venu kun mi. La pordo estas malfermita, mi bone konas la trairejojn en la palaco ankaŭ en la plej malluma nokto, kaj ni havas ankaŭ la ŝlosilojn. Gelsomina kaj mi kaŝos vin ĝis la noktiĝo kaj por ĉiam ni forlasos Venecion."

La maljunulo provis ekstari, sed li estis tiel malforta ke li denove falis sur la kuŝejon. Estiĝis longa silento.

„Patro", finfine diris Jacopo, „mi devas forlasi vin."

„Vi denove venos al mi baldaŭ? "

„Mi provos, patro."

Jacopo postiris la junulinon ĝis unu el la malgrandaj supraj ĉambroj. Li devis certiĝi ke ĉio estas trankvila sur la Piazza antaŭ ol forlasi la palacon. Subite ĉe la pordo montriĝis policano. Li haltis kaj laŭte sciigis:

„En la lasta tempo multaj homoj el Venecio mortis de la mano de sentimulo. La Senato ekscii pri tiuj mortoj kaj ĝi volas puni la sentimulon. Kiu trovos lin, tiu ricevos cent ormonerojn. Dum la lasta nokto oni trovis en la maro la korpon de la fiŝisto Antonio. Estas kialoj kiuj pensigas ke li trovis la morton de la mano de la sentimulo Jacopo Frontini. Ni delonge priatentis lin sed deziris preni lin ĉe la faro. Nun ni petas ĉiujn bonajn homojn el Venecio helpi al ni malliberigi Jacopon Frontini, ĉar la Senato ne povas plu elteni liajn malbonfarojn."

„Ĉu vi aŭdis, Carlo? ", demandis la junulino. „Finfine ili estas pretaj doni monon por tiu timiga homo kiu forprenis tiom da vivoj."

Jacopo mirige ekridetis.

„La senatanoj ne povas erari. Tio, kion ili faras, estas justa", diris li.

„Kial vi surmetas vian maskon, Carlo? ", demandis ŝi.

„Mi devas lasi vin, Gelsomina. Reiru al la ĉambro de via patro, kaj mi

eliros tra la korto de la palaco."

„Tion vi ne povas fari, Carlo. La servistoj ne rajtas vidi vin. Oni ne rajtas eniri en la malliberejon en tiu horo."

„Kaj pro mi vi ne zorgis pri la leĝo, Gelsomina? "

La junulino ruĝiĝis.

„Jes", mallaŭte diris ŝi.

„Milfoje dankon, plej kara Gelsomina."

„Vi povas pasi apud la gardistoj, Carlo, se vi scias la sekretan pasvorton."

La sentimulo blankiĝis. Li estis senkonsila.

„Ekiru", diris la junulino, „mi provos kaŝi vin en mia ĉambro, kaj tiam ni vidos kion ni poste faros."

Ŝi faris signon kaj Jacopo ekiris post ŝi ĝis la pordo kiu disiĝis ilin de la mallibereja domo. Kiam Gelsomina turnis la ŝlosilon, la pordo ne malfermiĝis.

„Ili riglis la pordon", ekkriis ŝi, tute malespera.

„Mi malsupreniros tra la korto de la palaco kaj mi provos pasi apud la gardistoj", diris la sentimulo.

Ili rekuris ĝis la alia fino de la pasejo. Gelsomina turnis alian ŝlosilon, sed la pordo ne malfermiĝis.

„Estas la pordo tra kiu ni nun eniris", ekkriis ŝi.

„Mi vidas", respondis Jacopo, „ni estas malliberuloj sur tiu ĉi timiga ponto."

La sentimulo malrapide deprenis la maskon. En la posta minuto la rigliloj sur la du pordoj tiriĝis kaj eniris policano. Gelsomina ekkriis pro timo kaj miro, sed ŝia amiko restis trankvila. La policano aliris kaj metis la manon sur Jacopon.

„Ho! ", ekkriis la junulino. „Enfermu min, sed lasu la malfeliĉan Carlon iri."

La policano ekridis.

„Carlo", postdiris li, „malsaĝa junulino! Tiu ĉi estas Jacopo Frontoni."

## PARTO XXVII

La Tri Graveguloj estis pretaj por la juĝo. En la ĉambro unu nura lampo lumigis la lokon kie devis stari la malliberulo. La flanko de la ĉambro kie sidis la demandistoj restis en la mallumo. La pordo malfermiĝis kaj la sentimulo eniris antaŭ ilin. Li staris silente kaj lia vizaĝo estis senkolora.

„Vi nomiĝas Jacopo Frontoni? ", ekdemandis la juĝhelpisto.

„Jes."

„Ĉu vi estas filo de Francisco Frontoni, homo kiu estas en malliberejo? "

„Jes."

„Vi estis gondolisto, kiam vi estis juna? "

„Mi estis gondolisto."

„Via patrino estas..."

„Morta."

La vorton li diris per tia voĉo ke la juĝhelpisto haltigis la demandadon kaj jetis rapidan rigardon al la Tri Graveguloj.

„Baldaŭ post la malliberigo de via patro vi decidis ne plu labori kiel gondolisto."

„Jes."

„Vi lasis la remilon por preni la glavon. Dum la lastaj kelkaj jaroj Venecio estas plena de la rakontoj pri viaj malbonfaroj. La homoj pensas ke ĉiu mortiga glavbato estas via."

„Mi scias ke ĉiuj tiel opinias."

„Se ni lasis vin libera, estas ĉar ni ne volis fari eraron."

Jacopo ekmovis la kapon sed li diris neniun vorton.

„Nun vi faris ion kio devigis la Tri Gravegulojn zorgi pri la afero", daŭrigis la juĝhelpisto. „Ĉu vi konis Antonion, la fiŝiston? "

„Mi bone konis lin, sinjoro."

„Vi scias ankaŭ ke lian korpon oni trovis en la maro? "

Jacopo ektremis kaj kapjesis. La plej juna el la Tri Graveguloj rigardis lin kun timo kaj miro.

„Multaj diras ke vi mortigis tiun homon? "

„Mi scias."

„Ŝajnas ke la kialo estis ke vi ege deziris ricevi la unuan premion, kiun ricevis la maljuna fiŝisto."

„Vere, mi deziris ricevi la premion."

„Do, ĉu vi mortigis la maljunulon? "

Jacopo ekridis.

„Vi bone scias kion mi faris", diris li, „kaj kion mi ne faris."

Policano eniris. Li metis paperon en la manojn de la juĝhelpisto en ruĝa vestaĵo kaj foriris. Tiu ĉi venigis la gardistojn por elirigi la malliberulon.

Jacopo haltetis ĉe la pordo.

Tiam li revenis kaj diris:

„Grandaj senatanoj, lasu min viziti unu malliberulon. Mi havas tre gravajn kialojn por tiu deziro."

La du maljunaj legis la papereton, tiel ke ili ne aŭdis liajn vortojn.

La juna demandisto kun intereso rigardis la sentimulon. Li pripensis

iom, kaj tiam li diris al la gardistoj:

„Irigu lin en la malliberejon kiel li deziras, sed estu pretaj revenigi lin."

La gardistoj irigis Jacopon tra mallumaj sekretaj pasejoj kaj ŝtuparoj ĝis ili ekhaltis antaŭ malgranda pordo. La junulo eniris sola en la malliberejan ĉambreton, ĉar neniun interesis lia interparolo kun la maljuna patro. La pordo fermiĝis kaj la ĉambro estiĝis malluma. Jacopo aŭdis malfacilan spiradon.

„Patro! ", diris li.

Li ne ricevis respondon.

„Patro! ", rediris li pli laŭte.

La spirado estiĝis pli malfacila, kaj tiam la malliberulo diris:

„Dio aŭdis mian preĝon", diris li per mallaŭta voĉo. „Li sendis vin por fermi miajn okulojn."

„Ĉu vi estas malforta, patro? "

„Ege, venis la fino por mi – mi nur esperis denove vidi la taglumon por revidi vian karan patrinon kaj vian fratinon."

„Mia patrino kaj mia fratino mortis, patro."

La maljunulo eksopiris. Jacopo faligis sin apud sian patron.

„Tio ĉi estas bato kiun mi ne atendis", mallaŭte diris maljunulo „Ni mortos kune."

„Ili antaŭ longa tempo mortis, patro."

„Kial vi tion antaŭe ne diris al mi, Jacopo? "

„Ĉu vi ne havis sufiĉe da malfeliĉo sen tio? "

„Vi – vi nun estas sola – donu al mi la manon, malfeliĉa Jacopo."

La sentimulo prenis la manon de sia patro. Ĝi estis tute malvarma.

„Jacopo, alproksimiĝu", mallaŭte diris la maljunulo.

„Mi estas apud vi, patro", respondis la junulo tra ploroj.

Laŭta ekkrio apud la pordo ektremigis ilin.

„Ekiru, Jacopo", diris gardisto. „La tri Graveguloj volas vidi vin."

„Ĉu ili ne povas lasi vin ankoraŭ kelkajn minutojn? ", mallaŭte diris la maljunulo. „Mi ne detenos vin longe."

La pordo malfermiĝis kaj la lumo falis sur la patron kaj la filon. Policano eniris kaj ekprenis Jacopon.

„Mi ne povas lasi vin morti sola, patro", ekkriis la junulo.

„Filo, mi estas feliĉa ke vi estas apud mi", diris la maljunulo.

„Patro", ekkriis Jacopo denove.

Sed la maljunulo ne respondis. Li estis morta. Kiam Jacopo forlasis la malliberejan ĉambron, li estis trankvila kiel antaŭe. Ĉiuj revenis en la sekretan ĉambron de la Tri Graveguloj.

„Jacopo Frontoni", komencis denove la demandisto, „oni diras ĉi tie ke vi partoprenis ankaŭ en unu alia malbonfaro. Ĉu vi konas la junan elstarulon el Kalabrio, kiu longe vivis en Venecio? "

„Mi konas, sinjoro."
„Ĉu vi havis kontakton kun li? "
„Jes, mi havis, sinjoro."
Estis moviĝado de miro ĉe la tri.
„Ĉu vi scias kie nun estas Don Camillo? "
Jacopo silentis. Li ne volis diri la veron, sed ankaŭ ne malveraĵon.
„Ĉu vi ne povas diri kial la juna elstarulo ne estas en sia palaco? "
„Li por ĉiam forlasis Venecion", diris finfine Jacopo.
„Ĉu vi estas certa pri tio? "
„Jes, mi estas certa", respondis Jacopo kun malgranda rideto.
„Sed ĉi tie estas papereto kiu diras ke vi mortigis lin. Kion vi diras pri tio? "
„Sinjoroj, kial mi perfidu miajn sekretojn? "
„Pensu ke ni havas malliberulon kiu povas devigi vin diri la veron."
„Sinjoroj, via malliberulo estas libera."
„Kiel vi povas diri ion tiel ridigan? "
„Mi diras al vi la veron."
„Nu, via patro..."
„Li estas morta."
La juĝistoj mirgrandigis la okulojn. Tiam ili venigis la gardistojn kaj diris al ili ke ili rerigardu la malliberulon en la malliberejo.

## PARTO XXVIII

La postan matenon oni enterigis Antonion. Sur la placo ariĝis ĉiuj fiŝistoj. Silente ili rigardis kiam el la preĝejo oni elportis la mortan maljunulon. Tuj malantaŭ li iris junulo, la nepo de Antonio. Inter la fiŝistoj estis ankaŭ patro Anselmo. Dum li malrapide iradis kun la aro, li sentis ke iu tiretas lin. Li rigardis ĉirkaŭ si kaj ekvidis homon kiun li ne konis.
„Patro, vi aŭdis multajn konfesojn", diris tiu homo.
„Tio estas mia devo, filo", respondis la maljunulo.
„Sankta Marko ege ŝatas viajn servojn. Ni bezonas vin post la enterigo de tiu ĉi fiŝisto."
La pastro kapjesis kaj daŭrigis sian vojon.
Vespere de la sama tago Jacopo estis sola en sia malliberula ĉambro, kiam turniĝis la ŝlosilo kaj la pordo malfermiĝis. Ĉe la pordo staris la pastro. Li tenis lampon, kiun li lasis sur la tablon. Jacopo ekstaris kaj iris renkonte al la vizitulo.
„Bonvenon, patro", diris li.

La maljunulo ne trovis la tempon respondi, ĉar tiam li eksentis ke ili ne estas solaj en la ĉambro. Li rapide retiriĝis flanken kaj vidis ke tie estas junulino.

„Filino, kial vi estas ĉi tie kaj kiu vi estas? ", ekdemandis li.

„Ŝi estas la filino de la gardisto", diris Jacopo pri la junulino, „ni iĝis geamikoj dum miaj vizitoj al la malliberejo."

La okuloj de patro Anselmo iris de unu ĝis la alia.

„Ĉu vi ne scias kian homon vi amas? ", demandis li la junulinon.

„Ne – ne – ne! ", ekkriis ŝi.

„Ili sendis min tien ĉi por aŭdi la lastan konfeson de sentimulo! ", daŭrigis la maljunulo. „Por junulino ne estas bone aŭdi tiel timigan vivrakonton."

„Ho jes, lasu ŝin eliri", diris Jacopo.

„Carlo! ", eksopiris Gelsomina.

La sentimulo aliris la junulinon.

„Gelsomina", diris li, „ĉu vi povas rigardi min sen timo? "

La junulino ektremis sed ŝi altigis la okulojn kaj ridetis.

„Sufiĉas", diris li amike. „Vi aŭdos mian konfeson."

„Ho, Carlo! ", mallaŭte diris la junulino. „Kion faris al vi tiu maljuna fiŝisto Antonio por ke vi senigu lin je la vivo? "

La pastro rigardis mirige.

„Antonio! ", postdiris li. „Ĉu oni pensas ke vi mortigis lin, filo mia? "

„Pro tio ili mortpunos min", respondis Jacopo.

La pastro blankiĝis kaj kun timo ekrigardis Jacopon. Li komencis kompreni la veron.

„Estas tie unu terura eraro! ", mallaŭte diris li. „Mi iros al la senatanoj kaj diros al ili."

La malliberulo malgaje ridetis.

„Ne helpos", diris li, „la tri volas puni min pro la morto de la maljuna Antonio."

„Sed kial vi devas morti? Mi vidis ke lin mortigis alia mano."

„Patro! ", ekkriis Gelsomina. „Rediru tiujn vortoj, diru ke Carlo ne povis fari ion tian! "

„Li havas nenion kunan kun tiu malbonfaro", diris la pastro.

„Nek kun iu alia, Gelsomina! ", aldonis Jacopo.

Ĝoja ekkrio forpreniĝis de la fraŭlino.

Jacopo iom silentis. Tiam li diris al la pastro:

„Ĉu vi volas aŭdi mian konfeson? "

„Parolu, filo mia", respondis patro Anselmo.

„Mia patro", komencis la sentimulo, „malliberiĝis pro malĝusta kulpigo. Kaj ni pensis ke lin oni foririgis el Venecio. Finfine ni povis pruvi al la

Senato ke li ne estas kulpa. Sed la senatanoj ne volis konfesi ke tio estas eraro. Tial mia patro restis en malliberejo. Mia malfeliĉa patrino baldaŭ mortis, ĉar ŝi ne povis tion elteni, mia fratino, junulino same juna kiel Gelsomina rapide poste ekiris post ŝi."

„Kaj tiuj homoj en la Senato ne volis rekoni ke ili eraris! ", ekkriis pastro.

„Ne estas en la intereso de la riĉaj senatanoj diri ke ili eraris. Finfine ili devigis min promesi ke mi gardos la sekreton kaj lasis min vizitadi mian patron en la malliberejo. Mi estis feliĉa vidi lin. Gelsomina tiam estis infano. Multajn homojn mortigis la sekreta polico – kaj la Senato komencis dissciigi malverajn rakontojn pri mi. Baldaŭ poste ĉiuj pensis ke mi estas tio kion en Venecio nomas sentimulo, ĉiuj timis min."

„Kaj vi permesis tion pro via malfeliĉa patro", ekkriis Gelsomina. „Mi scias kiel forta estis via amo al li! "

Sur la vizaĝo de patro Anselmo montriĝis ploro.

„Vere, vi estis filo preta morti pro sia patro", diris li. „Kiom longe daŭris ĉio ĉi? "

„Tio daŭris dum jaroj, patro."

Kiam Jacopo finis, la du vizituloj pretiĝis foriri.

„Nun ni forlasas vin", diris la pastro. „Ne timu, filo. Tiu ĉi junulino kaj mi faros ĉion kion ni povas por helpi al vi."

Jacopo aŭskultis tiujn vortojn kun malgaja sed feliĉa rideto.

## PARTO XXIX

La pastro silente iris dum kelka tempo, sed fine de la pasejo li haltis kaj turniĝis al Gelsomina.

„Ĉu vi estas sufiĉe sentima por helpi eldanĝerigi Jacopon? ", demandis li.

„Patro, mi estas preta morti por li."

„Vi devas montriĝi antaŭ la doĝo kaj paroli sen timo."

„Patro, mi estas preta."

Patro Anselmo ekirigis la junulinon al la parto de la palaco kie vivis la doĝo. La pastro pasis apud multaj gardistoj kiuj opiniis ke la doĝo venigis lin. Finfine la maljunulo kaj Gelsomina troviĝis en ĉambro tuj apud tiu de la doĝo. Gardisto venis renkonte al ili. Li ŝajnis miri.

„Nin atendas la doĝo", diris patro Anselmo.

„Sed, patro, vi scias ke neniu rajtas venigi fremdulon en la ĉambron de la doĝo."

„Vi vidas ke tio ne estas ordinara vizito. Iru diri al la doĝo ke venis la pastro kiun li deziris vidi kun la junulino. Ni ne havas multe da tempo, baldaŭ mortos senkulpa homo."

La gardisto enirigis la vizitulojn en la apudan ĉambron, kaj tie li diris al ili ke ili atendu lian revenon. Kaj poste li foriris en la ĉambron de sia estro.

La maljuna doĝo ĝuis nenifaron. Li pasigis la tempon en plaĉa interparolo kun rakontoskribisto.

„Kion vi deziras, Marko? ", demandis la doĝo malvarme.

„Sinjoro", respondis la gardisto, „venis la pastro kaj la junulino."

„Kion vi diras? La pastro kaj la junulino? "

„Jes, sinjoro. Tiuj kiujn vi volis vidi."

„Tiuj kiujn mi volis vidi? "

„Estro, mi nur postdiras la vortojn de la pastro. Kaj la pastro kaj la junulino ŝajnas bonaj homoj. Eble vi forgesis ke vi diris al ili veni."

„Ĉu la pastro ankoraŭ ion diris, bona Marko? "

„Estro, li diris ke ni ne havas multe da tempo ĉar baldaŭ mortos senkulpa homo."

„Diru al unu el la tri graveguloj ke li venu tien ĉi, kaj kiam mi tion diros, enirigu la vizitulojn."

La gardisto eliris el la ĉambro. Li tuj sendis alian gardiston por venigi unu el la tri graveguloj.

La senatano rapide alvenis.

„Tie ĉi estas vizituloj, sinjoro", diris la doĝo, „kaj mi volis ke ankaŭ vi aŭdu iliajn petojn."

La senatano salutis.

La doĝo petis ke oni enirigu la vizitulojn. Patro Anselmo kaj Gelsomina eniris kune en la ĉambron. La doĝo miris kiam li vidis antaŭ si fremdajn homojn.

„Kial vi venis? ", demandis li.

„Granda doĝo", komencis patro Anselmo, „ni venis por peti justecon."

„Sankta Marko ĉiam estas por justeco. Diru viajn petojn."

„En malliberejo troviĝas homo pri kiu la tri graveguloj decidis ke li devas morti ĉe la tagiĝo. Ni estas tie ĉi por malhelpi tion."

„Ni ne povas aliigi la decidojn de la tri graveguloj."

Kiam li diris tion ĉi, la doĝo neekvideble rigardis la senatanon.

„Sed mi eksciis ke la homo ne estas kulpa", diris la pastro: „Mi aŭdis lian konfeson."

„Patro, vi forgesis diri la nomon de tiu homo."

„Li nomiĝas Jacopo Frontoni."

La doĝo ŝajnis miri.

„La konfeso de tia homo devas esti rakonto pri miloj da malbonfaroj. Li estas la plej danĝera sentimulo el ĉiuj kiuj vivis en tiu ĉi urbo."

„Mi opiniis tiel kiam mi eniris en lian malliberulan ĉambron. Sed nun mi scias ke ĉiuj estis maljustaj al li."

„Tiam parolu. Kion vi eksciis pri tiu homo? "

„Granda doĝo, eble vi neniam sciis ke ekzisto kiu nomiĝis Francesco Frontoni malliberiĝis pro malbonfaro kontraŭ Sankta Marko. La malfeliĉa homo havis amikon kiu estis kulpa pri tiu malbonfaro. Sed tiu amiko estis sufiĉe malbona por faligi la koleregon de la Senato al Francesco Frontoni."

„Kion ankoraŭ vi scias pri tiu ĉi Francesco, pastro? "

„Tiu homo restis en malliberejo kvankam poste lia amiko konfesis antaŭ la morto ke li kulpis pro la malbonfaro."

„Kion kunan havas tiu Francesco kun' la sentimulo? ", demandis la doĝo.

„Tion ĉi diros la filino de la malliberejа gardisto. Parolu, junulino."

Gelsomina alproksimiĝis.

„Vi estas la filino de la gardisto? ", demandis la doĝo.

„Jes, sinjoro."

„Ĉu vi scias ion pri tiu ĉi sentimulo? "

„Tiuj kiuj nomas lin tiel ne konas lian koron! En Venecio estas neniu homo pli bona por siaj geamikoj."

„Kion kunan li havas kun la maljuna Francesco Frontoni? "

„Ili estis patro kaj filo. Kiam Jacopo grandiĝis, li komencis petadi la senatanojn ke ili permesu al li viziti la patron. Fine la pordo de la malliberejo sekrete malfermiĝis al li. Ili devigis lin servi kaj promesis por tio ke ili liberigos lian patron."

„Ĉu vi volas edziniĝi kun tiu Jacopo? ", demandis la doĝo.

La junulino ruĝiĝis.

„Jes, doĝo de Venecio", respondis ŝi.

„Kaj vi edziniĝos kun li eĉ nun kiam vi scias ke li estas entimulo? "

„Granda doĝo, mi scias kia li vere estis. Li vendis siajn servojn kaj sian nomon al Sankta Marko por liberigi sian patron. Pro tio mi ankoraŭ pli amas lin! "

La doĝo turniĝis al la pastro.

„Kiam oni devas mortpuni la malliberulon? "

„Ĉe la tagiĝo, estro."

„Kaj la patron? "

„Li mortis."

„Kiel malliberulo, pastro? "

„Kiel malliberulo, doĝo de Venecio."

Fariĝis silento.

„Ĉu vi aŭdis pri la morto de la fiŝisto Antonio? "

„Jes, estro. Jacopo ne kulpas pro tio. Tion mi scias    mi aŭdis la konfeson de Antonio kaj mi vidis kiel li mortis."

La doĝo turniĝis, ĉar li komencis kompreni. Li rigardis la senatanon sed tiu ĉi estis silenta kaj lia vizaĝo malvarma kiel ŝtono.

„Granda doĝo", daŭrigis Gelsomina, „ĉu vi volas vidi la malfeliĉan Carlon. Diru al viaj homoj ke ili venigu lin, lia rakonto diros al vi la veron."

„Vi opinias ke li ne estas kulpa, kaj tio ĉi pruvas la veron pli bone ol liaj vortoj."

La vizaĝo de Gelsomina lumiĝis.

„La granda doĝo aŭskultis nin", ekkriis ŝi, „kaj ni pruvis la veron. Nun ni ne devas timi. Ekiru, patro, ni devas diri la bonajn novaĵojn al Jacopo.

## PARTO XXX

Tagiĝis. Tuj kiam montriĝis la suno, la homoj komencis plenigadi la placojn. Aŭdiĝis la novaĵo ke oni punmortigos homon. Gardistoj staris apud la maro ĉirkaŭ la loko de plenumo de la puno por haltigadi la hommulton. Nur cento da fiŝistoj staris malantaŭ la gardistoj. Oni permesis al ili rigardi la punon de la homo kiu mortigis ilian amikon. Kaj tie staris homo en nigra vestaĵo kiu devis senkapigi la malliberulon.

En la aro ekestis maltrankvilo kaj ĉiuj okuloj rigardis al la pordo de la palaco. Montriĝis Jacopo, kun kiu troviĝis kelkaj gardistoj. Kiam li alvenis al la loko de la punmortigo, la gardistoj flankeniĝis kaj Jacopo restis sola. Nun estis nur pastro Anselmo apud li. Liaj okuloj rigardis al la fenestro de la doĝa palaco.

Jacopo estis tute senkolora. Liaj okuloj malrapide iradis de vizaĝo al vizaĝo. La fiŝistoj malvarme rigardis lin.

„Ĉu vi estas certaj pri viaj ordonoj? ", demandis la pastro la gardistestron. „Ĉu la malliberulo devas morti? "

La gardistestro nur ridetis.

„Ĉu ili diris al vi guste kiam oni devas senkapigi lin? "

„Jes, ili diris, patro. Tamen, restas ankoraŭ iom da tempo."

Post kiam li diris tion, la gardistestro malrapide malproksimiĝis. La pastro turniĝis al la malliberulo.

„Ĉu vi ne havas esperon, Jacopo? ", demandis li.

„Nenian.",

„Ili ne povas tion fari. Mi vidis kiel mortis Antonio kaj la doĝo tion scias! "

„Patro, vi ne komprenas la aferojn, ĉar vi estas nova en la servo de la Senato."

Alvenis la gardistestro. Li ektiris patron Anselmon flanken.

„La momento estas proksima.", li diris mallaŭte.

La pastro denove turniĝis al la palaco.

En tiu momento Gelsomina trakuregis tra la gardistoj kaj alvenis al la loko de la punmortigo. La hommulto ekmiris.

„Ŝi estas malsaĝa", ekkriis unu voĉo.

Gelsomina alkuris ĝis Jacopo kaj kisis lin.

„Ne timu", diris ŝi. „Ili ne mortigos vin, Carlo! "

„Plej kara Gelsomina! "

„Ne, ne haltigu min. Mi parolos al la homoj kaj diros al ili ĉion. Ili nun estas koleraj, sed kiam ili ekscios la veron, ili amos vin, Carlo, kiel mi amas vin."

„Ŝi kuris al la fiŝistoj.

„Homoj de Venecio! ", diris ŝi, „Vi estas tie ĉi por vidi la morton de homo kiu laŭ via opinio estas kulpa..."

„Li mortigis la maljunan Antonion! ", ekkriis multaj voĉoj.

„Vi eraras. Kiam vi aŭdos la veron, kiam vi ekscios ke li estas bona filo, kaj ke li havas bonan koron..."

„Li estas sentimulo! "

La pastro aliris al ŝi kaj altigis la manon por peti silenton.

„Aŭskultu ŝin, homoj! ", diris li. „Ŝi diras la veron! "

„Tiu ĉi pastro vidis la morton de la maljuna Antonio. Li diros al vi ke la malfeliĉa Carlo ne estas kulpa", daŭrigis Gelsomina.

„Carlo! Tie ĉi ne estas Carlo sed Jacopo Frontoni, sentimulo."

„Carlo aŭ Jacopo -- ne gravas", diris la junulino kun rideto.

„Ha! Venas signo el la palaco! ", ekkriis la pastro.

Aŭdiĝis trumpeto kaj estiĝis dua maltrankvilo en la hommulto.

Gelsomina ekkriis pro ĝojo.

Sed en tiu momento la homo en nigra vestaĵo altigis la hakilon kaj la kapo de Jacopo falis sur la ŝtonon.

La gardistoj forportis la mortan malliberulon. La hommulto plenigis la lokon de la punmortigo. Dum tiuj timigaj momentoj Gelsomona eĉ ne ekmoviĝis. Ĉio finiĝis, sed ŝi daŭre restis sur la sama loko.

„Forigu tiun ĉi malsaĝan junulinon", diris finfine policano.

La gardistoj foririgis la junulinon.

Ankaŭ la pastro ne ekmoviĝis. Li staris kaj rigardis al la fenestro de la palaco.

„Estus pli bone ke vi venu kun mi", mallaŭte diris homo apud li.

La pastro faris tion kion li diris. La fremdulo irigis lin ĝis la akvo, kie

ili eniris en ŝipeton kaj baldaŭ poste ili estis sur la malproksima maro.

Antaŭ ol la suno estis alte, patro Anselmo estis survoje al la palaco de Don Camillo.

# VORTOJ

## kiuj ne troviĝas en la baza lernolibro

| KROATA | ESPERANTO | GERMANA | HUNGARA |
|---|---|---|---|
| nesreća | AKCIDENTO | Unfall, Unglücksfall | baleset |
| sufiks u značenju: član, pripadnik | –AN– | Suffix mit der Bedeutung Anhänger, Mitglied, Bewohner von... | utóképző, jelentése: tag, hovatartozo |
| bijel | BLANKA | weiss | fehér |
| čamac | BOATO | Boot | csónak |
| obala | BORDO | Rand, Ufer, Küste | part |
| ruka | BRAKO | Arm | kar |
| oko, okolo | ĈIRKAŬ | um, rundherum; ungefähr, etwa | körül |
| opasan | DANĜERA | gefährlich | veszélyes |
| trajati | DAŬRI | andauern | tart |
| nastaviti | DAŬRIGI | fortsetzen | folytat |
| odlučiti | DECIDI | entscheiden, beschliessen | dönt, határoz |
| prefiks: raz– | DIS– | Präfix mit der Bedeutung zer..., auseinander... | előképző, jelentése: szét, széjjel |
| dok, za vrijeme | DUM | während | míg, amíg, alatt (időhatározó) |
| muž | EDZO | Gatte, Gemahl | férj |
| greška | ERARO | Irrtum, Fehler | hiba |
| poštovati | ESTIMI | verehren, hoch schätzen | tisztel, becsül |
| prozor | FENESTRO | Fenster | ablak |
| zatvoren | FERMITA | geschlossen, versperrt | csukott |
| kucati, udarati | FRAPI | schlagen, pochen, klopfen | üt, vereget, kopogtat |
| stran | FREMDA | fremd, unbekannt | idegen |
| veseo | GAJA | heiter, fröhlich | vidám |
| čuvati | GARDI | schützen, bewahren sichern | őríz, vigyáz |
| mač | GLAVO | Schwert | kard |
| sjekira | HAKILO | Beil, Hacke | balta |
| vlas | HARO | (einzelnes) Haar | hajszál, szőrszál |
| sat (sprava) | HORLOĜO | Uhr | óra (szerkezet) |

| | | | |
|---|---|---|---|
| sufiks u značenju: sredstvo, oruđe | –IL– | Suffix mit der Bedeutung Mittel, Instrument | utóképző, jelentése: eszköz, szerszám |
| suditi | JUĜI | urteilen | ítél, bírál |
| pravedan | JUSTA | gerecht | igazságos |
| baciti | ĴETI | werfen | dob, hajít |
| sakriti | KAŜI | verstecken, verbergen | (el)rejt, eldug |
| sanduk | KESTO | Kasten | láda |
| čiji | KIES | wessen, dessen, deren | kié? |
| poljubiti | KISI | küssen | (meg)csókol |
| priznanje | KONFESO | Geständnis, Beichte | beismerés |
| ljut | KOLERA | zornig | mérges, haragos |
| protiv | KONTRAŬ | gegen | ellen, szembe |
| savjet | KONSILO | Rat(–schlag) | tanács, javaslat |
| savjet (grupa ljudi) | KONSILANTARO | die Berater, Ratgeber | tanács (szervezet) |
| tijelo | KORPO | Körper | test |
| dvorište | KORTO | Hof | udvar |
| osim | KROM | ausser | vmin kívül |
| kriv | KULPA | schuldig | bűnös, vétkes |
| ležati | KUŜI | liegen | fekszik |
| premda, iako | KVANKAM | obwohl, obgleich | habár, noha |
| umoran | LACA | müde, erschöpf | fáradt |
| zakon | LEĜO | Gesetz | törvény |
| mjesto | LOKO | Ort | hely |
| čuditi se | MIRI | sich wundern | csodálkozik |
| crn | NIGRA | schwarz | fekete |
| plemić | NOBELO | Adeliger | nemes (ember) |
| sufiks za tvorbu razlomaka | –ON– | Suffix zur Bildung von Bruchzahlen | utóképző, jelentése: rész, hányad |
| biti mnijenja | OPINII | meinen, glauben | gondol, vél |
| običan | ORDINARA | üblich, gewöhnlich | közönséges |
| zlato | ORO | Gold | arany |
| palača, dvorac | PALACO | Palast | palota |
| svećenik | PASTRO | Priester | pap, lelkész |
| izgubiti | PERDI | verlieren | elveszít |
| izdati | PERFIDI | verraten | elárul, cserben hagy |
| trg | PLACO | (offener) Platz | tér |
| pod | PLANKO | Boden | padló |
| izvršiti | PLENUMI | erfüllen | teljesít |
| policija | POLICO | Polizei | rendőrség |
| most | PONTO | Brücke | híd |
| vrata | PORDO | Türe | ajtó |
| moliti (se) | PREĜI | beten | imádkozik |
| nagraditi | PREMII | auszeichnen (jemanden) | megjutalmaz |
| spreman | PRETA | bereit, fertig | kész |
| obećati | PROMESI | versprechen | (meg)ígér |

| | | | |
|---|---|---|---|
| pokušati | PROVI | probieren | megpróbál |
| posuditi | PRUNTI | leihen | kölcsönöz |
| dokazati | PRUVI | beweisen | (be)bizonyít |
| kazniti | PUNI | (be-)strafen | büntet |
| veslati | REMI | rudern | evez |
| susresti | RENKONTI | begegnen, treffen | találkozik |
| mreža | RETO | Netz | háló |
| buniti se | RIBELI | meutern, rebellieren | lázad |
| zatvoriti (zasunom) | RIGLI | riegeln, ver-, zu- | (el)reteszel |
| odmarati | RIPOZI | ruhen, ausruhen | pihen |
| crven | RUĜA | rot | piros, vörös |
| svet | SANKTA | heilig | szent |
| tjedan | SEMAJNO | Woche | hét (időtartam) |
| služiti | SERVI | dienen | szolgál |
| znak | SIGNO | Zeichen | jel |
| sličan | SIMILA | ähnlich | hasonló |
| čežnja | SOPIRO | Verlangen, Sehnsucht | vágy, sóvárgás |
| ogrtač | SURTUTO | Überrock, Mantel | felöltő, kabát |
| zaključati | ŜLOSI | versperren | bezár |
| kamen | ŜTONO | Stein | kő |
| stepenica | ŜTUPO | Stufe | (lépcső) fok |
| zemlja | TERO | Erde, Boden | föld |
| vući | TIRI | ziehen | húz, von |
| kroz | TRA | durch, hindurch | keresztül, át |
| drhtati | TREMI | zittern, beben | remeg |
| truba | TRUMPETO | Trompete | trombita |
| okrenuti se | TURNIĜI | gedreht werden | megfordul |
| dotaći | TUŜI | berühren | (meg)érint, hozzányúl |
| sufiks neodređenog značenja | –UM– | Suffix ohne festgelegte Bedeutung | határozatlan jelentésű utóképző, pl: brakumi: ölel, ventumi: legyez |
| vjetar | VENTO | Wind | szél |
| glas | VOĈO | Stimme | hang |
| brinuti se | ZORGI | sorgen, sich kümmern | gondoskodik, törődik (vkiről, vmiről) |

---

Ni dankas al Esperanto-grupo el Graz (Aŭstrio) kaj al Finta Csaba kiuj prizorgis respektive germanan kaj hungaran tradukojn de la supra vortareto.

La eldonisto

